XIVa jaro. No 217/218 (9/10) ⋆ Monata ⋆ Septembro/Oktobro 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . . . . . 5.— Frankoj
**Luksa eldono** . . . . . . . . . . . . . 6.25 Frankoj
*Svisa poŝtĉeka konto I.824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . . 0.50 Frankoj
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . . . 0.40 Frankoj
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . . . 0.50 Frankoj
*Rabatoj: 3 enpresoj 10%; 12 enpresoj 25%.*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

**TEKSTO.** — **Nuntempaĵoj:** *La desinfekto de la cerbo*, D-ro Alfred H. Fried. — **Socia vivo:** *Pri Litovujo*, Iv. H. Krestanoff. — *La japana virino*, Brieux. — *Falsado de antikvaĵoj*, W. Kampffert. — **Notoj.** — **Literaturo:** *Sinjorino Mac Williams kaj la fulmo*, Mark Twain. — **Esperantismo:** *Esperantismo kaj novaj ŝtatoj*, Ed. Privat. — *Esperanto-Kongresoj.* — *Kroniko.* — *Diversaĵoj.* — *Tra la gazetaro.* — *Tra la libraro.* — *Oficiala informilo de UEA.* — *Esperanto antaŭ ŝtata komisiono*, Ed. St. — *Esperanto ĉe la militkaptitoj.* — *Esperantista Parolejo.* — *Lingvaj Studoj.* — *Niaj Mortintoj.*

## NUNTEMPAĴOJ

# La desinfekto de la cerbo

La plej terura en la nuntempa travivaĵo estas ne sole la detruo, kiu pligrandiĝas ĉiutage, ne la halto de ĉiu kulturlaboro, ne la malkutimiĝo de la normalaj taskoj kaj kondiĉoj de la vivo. Ĝi kuŝas grandparte ankaŭ en la malmorala infekto de la cerbo, en la difekto de la spirita forto, en la degenero de la penso. Ĝi estas kiel metode kaŭzita spiritmalsano, kiu estas elvokita de la militistaj bezonoj. La homaro ne plu povas normale pensi, kaj ĝuste pro tio ĝi ne venas al la fino de la teruraĵoj. Kaj se estas la spirito, kiu konstruas al si la korpon, oni povas prezenti al si, kiel estos la stato de la societo, kiu eble sukcesos sin eltiri el tiu ĉi universala katastrofo. Kvar jaroj estas longa periodo. Enviciĝas la tomboj, amasiĝas la ruinoj, plimultiĝas la bezono kaj mizero, rikanas la malsato. Sed, oni naskos novajn homojn, oni forigos la rubon de la ruinoj kaj starigos novajn, pli lumajn, pli firmajn konstruaĵojn, nova komerco kaj interkomunikiĝo ree ekfloros, laŭgrade amasiĝos denove bonstato, la malsatuloj denove satiĝos! Eble? Oni devas almenaŭ esperi pri tio, se la milito ne daŭras ankoraŭ tro longe. Sed la kvarjara estreco de la spirita ŝlimo, kiun la milito jetis sur la surfacon, sentiĝos longe, tre longe. Ke vantaj homoj, senideaj fuŝistoj, servemaj kreitaĵoj, kiuj, por savi sian propran senvalorecon de la tranĉeaj danĝeroj, dediĉas siajn fortojn al la hodiaŭ regantaj ideoj, ke miloj, centmiloj de tiuj militprofitantoj per la forŝakro de sia intelekto ĉie laboras por malĝuste interpreti ĉiujn opiniojn, ĉiujn faktojn, por kaŝi la rikanantajn verojn, por orumi la putron, por ekzili, por turmenti, por neniigi la veron kaj ties anoncantojn, ke ili ne nur senpune povas fari tion, sed ankaŭ estas rekompencataj kaj troŝarĝataj je eksteraj honoroj pro sia malestiminda verko, ke ili libere povas agadi sen kontraŭfortoj, kiuj ja estas ĉie malhelpataj, tio estas la granda pereiga mizero, kies detrua influo kaj efiko estas ĉiam ankoraŭ tro malmulte taksataj.

Ni estus tolerintaj ilin ses monatojn, ni estus suferintaj ilin unu jaron. Tiam piedpuŝante ilin ni estus transirintaj al daŭrigo de la kulturlaboro. Ilia verko estus frakaskuŝigita sur la teron. Sed kvar jarojn, kvar plenajn jarojn! kaj kiu scias kiom da tiaj jaroj ni devas ankoraŭ pasigi sub la estreco de tiuj venenigantoj de l' animoj kaj spiritoj, de tiuj grasventraĉuloj triumfantaj super la perdo de jarmilaĝaj produktoj, la bonstato de l' popolo, tio estas la plej terura militkonsekvenco, kies forigo devas esti la granda problemo por la restarigo de la mondo. Ni trovas hodiaŭ en ĉiuj landoj jam milojn da homoj pretaj starigi grandajn organizaĵojn por denove kunligi post la milito la fadenojn de la komerco, por rebonigi la interrilatojn, por denove funkciigi la produktadon, por plialtigi la naskemon, por prepari jakojn kaj pantalonojn al la hejmen revenontaj militistoj, sed kiu pensas pri la senvenenigo de la spirito post tiu senlima furiozo de la spirita prostituado? Kiu pensas pri la desinfekto de la cerbo? Kaj tamen la tuta savo de la estonto en unua linio dependas de la sukceso de tiu spirita renovigo.

Sed oni ne devas sin limigi nur al la forigo de la spirita venenigo. Multe pli gravas la antaŭgardo, la certigo kontraŭ la reveno de tiaj eblecoj, ke neniam plu tiuj ŝupurigistoj kuraĝu repreni denove en la templo de la ideoj la estrecon super la spirita vivo de iu popolo. For ĉiujn frazojn pri patrolandaj necesoj, per kiuj la militmanio kaj ĝiaj predikantoj serĉas kuraci ĉion, la sifilison kiel la spiritan sklavigon. Unu „Ne estas vere!“ devas soni kun tondra kolero tra la mondo. Ne estas vere, ke iu institucio devas postuli la oferojn de la plej sanktaj bienoj de la homaro, nur por ke ĝi povu plu ekzisti. Institucio, kiu volas tion, estas kondamnita al morto, ĝi havas nenian valoron por vivo, ĝi devas malaperi. Kaj efektive la militmanio kaj ĝia pastraro ne povus ekzisti unu jaron pli, ne nur dum la milito, sed ankaŭ dum la tiel nomita paco, se oni estus malpermesinta al ili skurĝi la spiriton. Se la militmanio ne havus la mensogon kiel ŝirmilon, ĝi estus jam delonge mortinta. Ĝi vivas nur per la mensogo, ĝi per mensogo estas galvanita kadavro, kiu manĝegas kaj suĉas, kiu mortigas kaj senhonorigas, ĉar estas interkonsento ne diri la

veron pri ĝi. Lasu nin paroli, klarigi, kalkuli, lasu nin per vortoj kaj bildoj diri la veron pri la milito kaj ĝiaj homoj, kaj ni estus liberigitaj en malmultaj monatoj de tiu malmorala kaj frenezenaskita plago. En malmultaj monatoj! Ne nur de la nun furiozanta milito, sed de la milito kiel institucio entute, de tiu homara skurĝo, kiu nur de militprofitanto povas esti konsiderata kiel „elemento de la Dia mondordo".

Ni do rekonu, ke tiu ĉi mizero devenas nur de la mensogo, de kiu ĝi estas ĉirkaŭita, kaj ni direktu nian agon laŭ tio. La falsantojn de la spirito, kiuj hodiaŭ tiel pezas super ni, de kies ago ni tiom longe devas suferi, ni penu trafi. Ilin, la komplezajn helpistojn de la militaj ideologoj, kiuj preparis la malbonon kaj nun ne lasas ĝin ĉesi. Ni ne liberigos nin de la milito, se ni ne liberigos la homaron de la skribantaj, poeziantaj, filozofantaj, paroladantaj, kalkulantaj, pentrantaj, fotografantaj pravigantoj kaj defendantoj de la milito. Jen estas tasko por la ligo de tiuj spiritoj, kiuj konservis ankoraŭ la liberecon de la penso.

*D-ro Alfred H. Fried.*
Trad.: *Iv. H. Kr-off.*

 SOCIA VIVO 

## Pri Litovujo[1]

Litovujo, aperinta post la rusa revolucio sur la politika horizonto, ne estas nova lando, kiel ĝi ŝajnas. Kiel sendependa ŝtato ĝi fondiĝis en la XIIIª jarcento kaj nur en 1795 estis aneksita de Ruslando. Ĝia teritorio okupas nuntempe la sekvantajn elementojn de la malnova rusa imperio: la guberniojn de Kovno, Vilno, Vitebsk, Minsk, Suvalki, parton de tiu de Grodno, la distriktojn de Novogrodek, Nesvież kaj la nordan parton de la gubernio de Lomza.

Multaj Litovoj estas dissemitaj en Kurlando kaj Orienta Prusujo. La nomoj de la urboj eĉ ĝis Berlino estas preskaŭ ĉiuj de litova (escepte tiuj de slava) deveno, kio pruvas, ke la lingvo de la malnovaj loĝantoj de tiuj landoj estis la litova, kiun 400 jaroj de persekutoj preskaŭ malaperigis. La tuta teritorio, kies etnografia karaktero litova ne povas esti kontestata, ĉar la ciferoj estas pruntitaj el la oficialaj statistikoj, kovras surfacon da 71,534 kv. km., el kiuj 67,855 troviĝas en rusa Litovujo kaj 3,679 en prusa Litovujo. Inter la loĝantoj de tiuj vastaj regionoj 60 % uzas la litovan kiel gepatran lingvon.

La ceteraj 40 % dividiĝas proksimume tiel: Izraelidoj 12 %; Blankrutenoj 9 %; Poloj 7 %; Germanoj 7 %; Rusoj 5 %. La nombro de ĉiuj Litovoj atingas la rondan ciferon de 5 milionoj, el kiuj la plimulto loĝas en rusa Litovujo, la resto en Prusujo, Rusujo, Ameriko kaj Anglujo.

La Litovoj apartenas nek al la Slavoj, nek al la Germanoj. Ili estas memstara gentaro — la veraj Litovoj kaj Latvoj (Prusoj, Jatvoj k. a. jam pereis). Ili staras plej proksime al la Letoj, frata popolo al ili, kvazaŭ du branĉoj de sama popolo. Laŭ la geografoj ili venas el Irano; ili estus forlasintaj centran Azion puŝataj de la Mongoloj, estus pasintaj norde de Kaŭkazo la ebenaĵojn de Don kaj Dnjester, por veni sin lokigi de la bordoj de la Balta maro ĝis tiuj de Dnjeper-rivero.

En la XIIª jarcento la Litovoj estis ankoraŭ dividitaj en triboj havantaj dekduon da ĉefoj, kiuj ludis la rolon de malgrandaj afrikaj reĝoj. Je la fino de la dirita jarcento formiĝas militista klaso, kies ĉefa okupo fariĝis la milito, kio estas unu el la kaŭzoj de la grandeco kaj poste de la falo de la lando. Tiu klaso estis direktata de Mindaŭgis aŭ Mendog, kiu estis kronita reĝo de Litovujo en 1252. Lia regado estas rimarkinda per brilantaj venkoj reunuigintaj ĉiujn litovajn terojn sub lia sceptro. Idolanoj ĝis la fino de la XIVª jc., la Litovoj akceptis en 1397 la kristanan religion de greka rito, sed poste, pro politikaj kaŭzoj, estis enkondukita la katolikismo, kaj la lando kun la reĝo submetiĝis al la papo. El la krucmilitoj kontraŭ la invado de teŭtonaj kavaliroj kaj tiu de glavportantoj la milito en 1336 estas rimarkinda pro la heroa defendo de la Pillen' a kastelo, ordinara restadejo de fama profetino. Kiam la Germanoj penetris en la interna korto, ili estis terurigataj de la spektaklo: la lastaj el la 400 defendantoj gvidataj de Marguier sin mortigis, la kapoj rulis ĉe la piedojn de la pastrino staranta sur starigita de ili ŝtiparo, kaj fine ŝi mortigis la lastan homon kaj plantis glavon en sian sinon. Tiu konduto rememorigas iom la rakontitan de Cezaro malvenkon de la Helvetoj en Galio aŭ tiun de Sulinoj en la milito por greka sendependeco.

La komerco, la industrio kaj la instruado disvolviĝis sub Guedymin, kiu ĉe sia morto en 1341 lasis grandan kaj potencan Litovujon.

La kavaliroj faris, dum la regado de Olguerd, en Litovujon, 96 invadojn, al kiuj respondis 42 litovaj venĝoj, kaj en 1362 sukcesis detrui la fortikaĵon de Kovno, kie la garnizono komandata de filo de Kejstut preferis mortigi ĝis la lasta homo ol sin doni. En XVIIª cj. oni ankoraŭ kantis la heroaĵojn de tiu brava trupo. La posteulo de Olguerd estis lia ŝatata filo Jagellon, fondinto de la pola dinastio de Jagellonoj. Litovujo estis je sia apogeo ĉe Vitold, kiu nomiĝis granda-duko kaj regis de 1392—1420; li vastigis la triumfojn de sia lando, kiu sin etendis de Galicio al la lando de la Tataroj. La krucmilitistoj maltrankviligis ĉiam Polujon kaj Litovujon. Jagellon kaj Vitold faris ligon, kaj la 5 julio 1400 okazis la fama batalo de Grünwald aŭ Tannenberg, kiu metis finon al la povo de la germanaj kavaliroj. Ĝi estas unu el la plej decidaj bataloj de la historio. Estis la triumfo de la unuiĝo inter Litovujo kaj Polujo. Pro novaj eksteraj minacoj, tiu unuiĝo estis plifirmigita en 1565 en Lublin, kiam ambaŭ landoj formis nur respublikon, kies reĝo estis elektebla. De tiam la sorto de Litovujo miksiĝas kun tiu de Polujo. La influo de tiu ĉi estis granda, kaj la politika konkurado neniam ĉesis inter la du aliancanoj. La unuiĝo kun Polujo estis do malfeliĉa por Litovujo, kies nobelaro, imitante la nobelojn polajn, malatentis ĉiun alian intereson ol la sian. Ĝi monopoligis ĉiujn artikolojn de la ĉiutaga vivo por siaj vilaĝanaj regatoj, donante kelkfoje kontraŭ alta prezo tiujn monopolojn al hebreoj. Ĝi grandigis siajn rajtojn, ekspluatis kaj ruinigis la popolon. La anarkio estis plej granda sub la regado de Aŭgusto de Saksujo (1733—1763). Tiel do la dividoj de la XVIIIª jc. ĝin trovis en la brakoj de Polujo. Post la lasta divido de tiu ĉi en 1793, Litovujo kaj Polujo malaperis kiel sendependaj ŝtatoj. En 1870 la rusa registaro elviŝis eĉ la nomon de Litovujo sur la karto de Eŭropo. La Vilna universitato, unu el la gloroj de Litovujo, fondita en 1579, estas fermita. La poligado de antaŭ 1863 nun estis anstataŭata de rusigado.

Vere, la plej malfacila situacio por nacio estas sin trovi dismembrigita inter kelkaj ŝtatoj, submetita al aliaj. Tiel la Litovoj estis malrapide dismembrigitaj je kelkaj fojoj de Rusujo, Prusujo kaj Aŭstrio, kaj ĉiuj provoj, kiujn ili faris

[1] Granda parto de la artikolo estas ŝuldata al la bela libro de S-ro G. Brocher: „Essais sur les principales Nationalités de Russie", eldono de „La Russie Libre" en Lausanne.

por reakiri sian sendependecon rompiĝis kontraŭ la pli granda forto de la reganta nacio, kio ankoraŭ plimalfaciligis ilian situacion.

Aneksita de Ruslando, por la litova nacio komenciĝis malluma epoko: ĝia tuta vivo religia, socia, kultura kaj politika estis konstante objekto de severaj persekutoj. Malgraŭ tio, ĝi ne ĉesis postuli sian sendependecon, eĉ kun armiloj en la mano, en 1830, 1863, 1905.

Oni ne devas forgesi, ke ĝis 1905 ĉiuj instruistoj, oficistoj, eĉ la skribistoj de la komunumestroj devis estis Rusoj. La plej granda malfeliĉo estis la malpermeso presigi librojn en litova lingvo. Tiel la popolo estis devigata liverigi al si kontrabande presaĵojn en sia lingvo el Tilsit (Prusujo). Tiuj volumoj pasis de mano en mano kaj vekis la nacian konscion. En 1883 aperis en Tilsit la unua litova ĵurnalo *Auszra* (Aŭroro), kiu celis konigi al la Litovoj iliajn rajtojn kaj ilian naciecon, amigi la landon kaj postuli la liberecon de la lingvo. Tiu ĵurnalo, predikanta la nacian renaskiĝon, havis grandan influon. En 1889 ĝi estis anstataŭata de la *Varpar* (Sonorilo) kun pli radikala koloro. En 1902 fondiĝis la litova demokratia partio; la pli kleraj naciistoj fondis en 1905 la nacian partion de litovaj demokratoj, kies programo insistis precipe pri la libereco de la litova lingvo.

La litova lingvo estas tute malsimila al la pola aŭ alia ajn slava lingvo; la diferenco inter ĝi kaj ili estas tia, kia inter la germana kaj la novlatinaj lingvoj. La litova estas senerare la plej malnova ĝis nun vivanta lingvo de la aria raso — unua branĉo de la sanskrito. La fama lingvisto Max Müller diris: „Kiam mi aŭdas iun paroli litove, mi sentas min transportata en tiun tempon kaj regionon, kie staris la lulilo de la aria raso.“ Apogante sin je la etimologio oni povas diri, ke multaj nomoj de landoj, maroj kaj riveroj devenas de la litova lingvo, ekz. Balkanoj el „Baltkalnaj“ = blankaj montoj, Britujo el „brist“ = vadi, Baltiko el „Baltjure„ aŭ „baltmare“ = blanka maro, Elbo = Labo el la litova „laba“ = bona k. t. p. La litova lingvo estas sufiĉe belsona kaj tre riĉa, sed ne tre facila, pro la komplikaj akcento kaj ortografio, la multkaza deklinacio kaj pro la granda nombro da esprimoj ne konataj en multaj lingvoj. Ekz. por esprimi „nutri“ Litovoj havas preskaŭ dek diversajn esprimojn (alia por ĉiu vivanta estaĵo). En litova oni trovas la vortojn por esprimi tiajn ideojn, kiajn oni vane serĉus en multaj vivantaj aŭ eĉ mortintaj lingvoj, ekz. „žmona“ = homino. La litova samkiel ĉiu natura lingvo havas ankaŭ kelkajn dialektojn, el kiuj rimarkindaj estas la „jemajta“ kaj la „dzuka“. La Litovoj uzas la latinan alfabeton; nur malmultaj el ili (Luteranoj loĝantaj en Prusujo) uzas la gotikan, sed ili sur — kaj submetas signetojn por sia originala elparolo de multaj literoj.

Kiel ĉie ankaŭ ĉi tie la parola literaturo antaŭiris la skriban. La Litovoj havis multajn heroajn kantojn kaj poemojn valorajn por la tutmonda literaturo, sed bedaŭrinde la persekutoj de la pastraro malaperigis ilin. Nun la litova popolo ne kantas plu la batalojn, ĝi ploras la mortintojn; ĝiajn poeziajojn oni nomas „randa“. Alia speco de poeziaĵoj ŝatataj de la popolo estas la *„dainoj“*, lirikaj popolkantoj akompanataj de melodioj, kie la gamoj estas tute diferencaj de tiuj de nia muziko. La „dainoj“ montras la ĉastan kaj delikatan karakteron de la popola spirito. La filologo Rhesa dum dek-tri jaroj de serĉado inter la popolo trovis neniun amkanton maldelikatan; ĉiuj estas puraj. La plej malnovaj verkoj litove presitaj estas religiaj traktatoj, kateĥismoj, Evangelioj. La skriba literaturo estis enkondukita inter la popolo precipe de la protestanta eklezio. La unua, kiu starigis la demandon pri la nacieco kaj pri la graveco de la nacia lingvo, estas Dankscha, tradukinto de katolika kateĥismo; li diris ke provi forigi la lingvon al iu popolo, estas provi forigi la sunon, detrui la ordon de l'universo, neniigi la vivon. Damil Klein (1653) publikigis litovan gramatikon, kaj pastro Konstantin Schirwid (1564—1631) vortaron. La traduko de la Nova Testamento en 1701 estis la elirpunkto de nova literatura epoko en la XVIII-a jc., epoko kiun oni nomas kelkfoje jarcento de Duonelaitis (1714—1780), aŭtoro de *Metas* (sezonoj), nacia epopeo skribita en heksametroj kaj priskribanta la litovajn morojn kaj kutimojn, ĉefa monumento de la litova literaturo. De post 1701 la literaturo disvastiĝas; ĝis 1891 oni publikigis ĉ. 1200 librojn, ĵurnalojn kaj broŝurojn. Antaŭ la nuna milito estis publikigataj 44 litovaj gazetoj, el kiuj 12 en Rusujo, 9 en Prusujo, 21 en Ameriko kaj 2 en Skotlando.

Se A. Mickiewicz, granda pola-litova poeto, verkis pole, liaj samtempuloj Poszka, S. Daukantas kaj ĉefpastro Valanczevskos uzis la litovan lingvon en siaj verkoj. Ili estas la tri grandaj antaŭuloj de la nacia renaskiĝo de Litovujo (kies patro estas Jean Bassanavitsius). Malgraŭ la nenormalaj kondiĉoj, la litova literaturo, dum la periodo de malpermeso (1864—1904) akiris multajn verkojn utilajn al la popolo, poeziaĵojn, dramojn, novelojn. Plej rimarkindaj poetoj de tiu epoko estas Maironis, Sekupasaka (Vaiczaitis), Baranovskis, kelkaj el kies lirikaĵoj estas fariĝintaj tre popularaj kaj kies poemo „Anykszezin Szilelis“ (Anykzeziaja arbaro) estas vera ĉefverko de la litova nacia eposo. La eminenta publicisto V. Kudirka okupas tute apartan lokon en la nuntempa litova literaturo, al kiu li adaptis multajn ĉefverkojn de la germana kaj angla literaturo. Lia plej rimarkinda verko „Tevynes Varpai“ (Sonoriloj de la patrujo) donas tiel veran kiel pitoreskan bildon de la renaskiĝo de Litovujo. Li estas ankaŭ la aŭtoro de la nacia himno „Lietuva tevyne musu“ (Litovujo nia patrujo). Inter la nuntempuloj unua loko apartenas al la granda dramaŭtoro Vidunas, kies plej bela verko estas la trilogio „Probotsziu Szeszeliai“ (Ombroj de la praavoj), poste Jacksztas. La virinoj ne restis malantaŭe; inter ili estas romanistinoj, kiuj ne cedas al la francaj aŭ anglaj verkistinoj, ekz. S-inoj Bite-Petkevicz, Zemaite, Szatrijos-Ragana, Lazdynu Peleda. Kvankam ĝi ne ankoraŭ produktis tiom da verkoj de unua vico kiom la Letoj kaj Estoj, la litova literaturo komencas ankaŭ florigi rimarkindajn talentojn kaj kiam la popolo estos pli klera, ĝi povos ankaŭ krei geniojn, kiuj, en libera Litovujo, kiam la detruoj de la milito estos riparitaj kaj la loĝantaro reakiros iom da bonstato, povos porti tre malproksimen la nomon kaj la gloron de Litovujo.

Litovujo estas malvarma, marĉa kaj ebena lando, konsistanta precipe el arbaroj kaj herbejoj. La lando estas ĉefe agrikultura, oni kulturas tie sekalon, hordeon, aromon de poligono, kaj eĉ tritikon en la sudo. Grandegaj arbaroj estas ekspluatataj. Oni eksportas ĉevalojn, peltojn, ĉasajon, alkoholaĵojn. En Vilno kaj Grodno ekzistas tanejoj, vitrajejoj. Oni eksportas ankaŭ mielon, ledon, lanon. La agrikulturo estas tre primitiva, kaj la industrio estas ankoraŭ en ĝermo.

La ĉefa demando nun estas pri la aŭtonomio aŭ sendependeco de Litovujo. La monarkia spirito tie ŝajnas esti tre forta. La Litovoj estas tiom suferintaj de siaj najbaroj, ke oni komprenas ilian deziron al sendependa imperio, sed kelkaj opinias, ke pli saĝa por ili estas la aŭtonomio en la estonta rusa federa respubliko, ĉar ili havas nek industrion, nek vendrondon por sia agrikulturo, nek havenon bone disvolvitan, nek armeon, kiu kostus multe al ĝi. Tiam ĝi povus, protektata de la respublika forto, kulturi libere sian lingvon, krei tiom da lernejoj, kiom ĝi povos subteni, fari vojojn, kanalojn, fondi industriojn, vastigi sian komercon.

Ĝi estas forta kaj kuraĝa nacio, kapabla kontraŭstari, kaj posedas bone difinitan teritorion sufiĉan por certigi ĝian disvolvon. Ĝi manifestas bone difinitan kolektivan

volon, regule organizatan per la Litova Dieto en Vilno (Ĉefurbo) sub la supera aŭtoritato nomata *Taryba*, la laŭleĝa organo de la Litova ŝtato kaj popolo, elektita per la reprezentantoj de tuta Litovujo la 1—22 septembro 1917 kaj rekonita unuanime de ĉiuj Litovoj eksterlande (en Eŭropo kaj Ameriko). Ĝia oficiala organo estas la gazeto „Lietuvos Aïdas." La „Taryba„ kalkulas inter siaj membroj la ĉefojn, la plej eminentajn homojn de ĉiuj partioj kaj de ĉiuj klasoj de la litova popolo.

La historio de Litovujo samkiel la ĝenerala demokratia evoluo donas al ĝi la rajton refariĝi sendependa ŝtato, por kio klopodas ĉiuj litovaj politikaj partioj. Estas multaj ŝancoj, ke Litovujo fariĝos post la milito intermedia kaj memstara ŝtato laŭ ekzemplo de Polujo reorganizota. Ĝia sendependeco ja estis lastatempe proklamita de la Dieto en Vilno kaj rekonita de kelkaj regnoj. Estas certe, ke la formiĝo de tiaj ŝtatoj havos grandan intereson nacian por Eŭropo, kies ordonvorto por la estonteco devos esti: unuiĝo de demokratiaj kaj liberaj popoloj.

*Iv. H. Krestanoff.*

---

## La japana virino

III

Tamen, la eŭropaj ideoj pri la virino jam faris progreson en Japanujo. Fama Japano, S-ro Fukuzawa, jam en la jaro 1899 refutis la kodon de Kaibara kaj mem redaktis novan virinan kodon. Li postulas: 1e la apartiĝon de la gepatroj el la filoj edziĝintaj; 2e la plenan sendependecon de la edzino rilate al la bogepatroj; 3e la egalecon de la edzino kaj de la edzo; 4e la rajton de la eksedziniĝinta virino al nova edziniĝo.

Apenaŭ la Fuji-monto ne tremis sur sia fundamento! La pretendoj de S-ro Fukuzawa estis unue indigne malakceptataj. Sed iom post iom kreskis la nombro de la personoj, kiuj ne trovas ilin tute malsaĝaj. Pli ol unu virino vidas en tio idealon, kaj pro la frekventado de la eŭropaj virinoj, precipe la Amerikaninoj, ankaŭ pro la influo de la misiistaj predikoj kaj la lego de la okcidentaj libroj aŭ romanoj, nova tipo de japana virino estas kreiĝanta. Tiuj novulinoj estas ankoraŭ maloftaj, tre maloftaj; mi tamen kelkajn renkontis.

Je mia alveno en Tokjo mi trovis en la hotelo inter la intervjuemaj jurnalistoj tri afablajn Japaninojn, kiuj, kun la krajono kaj la kajereto en la mano, sinsekve faris al mi la plej embarasajn demandojn.

Mi speciale rememoras pri unu el ili, tre beleta, kies malicaj okuloj brilis malantaŭ la okulvitroj; ŝi kun konstanta kaj rava rideto demandis, kion mi pensas pri Japanujo. (Mi estis alveninta de dek-kvin tagoj!) Tuta demandaro sekvis: Kion vi pensas pri la japana teatro? pri la malnova teatro? pri la moderna teatro? pri la amerika politiko? pri la ludmaniero de niaj aktoroj? Kiu estas la plej granda dramaŭtoro en Eŭropo? la plej granda romanverkisto? la plej granda politikisto? Kion vi pensas pri Pierre Loti? Kion vi imagas pri la estonteco de Japanujo?

Feliĉe, tiu ĉarma kolegino parolis tre malbone la anglan lingvon, kiun mi mem nur malfacile komprenas. Tiel ni baldaŭ ekkonstatis, ke interparolado estas preskaŭ neebla, kaj ke ni nur povis interŝanĝi ridetojn. Tiun ĉi ekzercon ni faris dum kvin minutoj, ĉar neniu volis cedi al la alia rilate ĝentilecon. De tempo al tempo, la jurnalistino alproksimigis la krajonon al la kajereto kvazaŭ por ion noti, faris infane malesperan gesteton kaj denove ekridetis. Fine ni interŝanĝis sep aŭ ok profundajn riverencojn (mi tion jam eklernis) kaj ni ne plu interparolis.

Mi forgesis raporti al vi pri ŝia unua demando. Ĝi estis: Ĉu vi preferas la francan aŭ la japanan virinon? — Mi retenis salteton, kaj ankaŭ tro facilan respondon.

Tamen ... antaŭ tiuj ĵurnalistinoj venintaj por paroli kun barbaro en eŭropa hotelo, mi pensis pri Kaibara kaj lia kodo.

Japanujo ne ankoraŭ konas voĉdonemulinojn. Almenaŭ mi tion ne kredas. Sed ĉio en tiu lando iras rapide. Dume la teatro jam prezentas tezvodevilojn, kie la „novaj virinoj", estas mistraktataj je la plej granda ĝojo de la aŭdantaro. La teatraĵo, kiun mi vidis, enscenigis junulinojn, kiuj deklaris sin egalaj al la viroj, iris al ĉirkaŭurba festo kaj pretendis tie partopreni en remkonkurso. Ili havis la plej akrajn malplezurojn, kaj, je la finiĝo, indignitaj junuloj sukcesis ilin resaĝigi per minaco de batado. Nur tiu rimedo (kiu tute ne vekis ian proteston) indikas, ke se ekzistas en Japanujo emancipiĝemaj virinoj, estas ankoraŭ pli granda nombro de viroj, kiuj pretendas ilin malhelpi per rimedoj, kiuj ĉe ni jam de longe estas eksmodiĝintaj.

* * *

La turisto povas ekkoni la japanan virinon preskaŭ nur laŭ la ridetoj de la hotelĉambristinoj kaj la gracio de la „geiŝa". Tio estas nesufiĉa por ke li kapablu juĝi ilin. Sed la viroj, kiuj travivis la japanan vivon, kiel la granda kaj malfeliĉa verkisto Lafcadio Hearn kaj aliaj, laŭdege priskribas ŝin. Havinte du fojojn, ĉe oficialaj festenoj, la honoron, sidi najbare al virinoj de la alta japana societo, mi havis la impreson, esti apud estaĵoj vivantaj en atmosfero de nobleco, de sereneco kaj delikateco, ekstreme kleraj kaj artistaj. La simpleco de ilia vestaĵo, ilia memvola sinforgeso, ilia timemo kaj ilia distingiĝa sintenado kaŭzas, ke oni ilin tre respektas kaj rigardas kiel belan artobjekton facile rompeblan; oni divenas ilin tiel sentemaj pri punktoj ignorataj de ni barbaroj, ke oni apenaŭ kuraĝas alparoli ilin. Kaj antaŭ tiuj el ili, kiuj estis vizitintaj Eŭropon, mi iom hontis pensante al tio, kion ili povis vidi kaj aŭdi en niaj ĉefurboj.

Dum pluraj tagoj, favora stelo donis al ni kiel kunvojaĝantojn japanan diplomaton kun lia edzino; ambaŭ perfekte parolis france kaj revenis de Eŭropo. Sinjorino X. tiam estis vestita laŭ eŭropa modo; ni en Tokjo revidis ŝin en nacia vestaĵo, kaj ni povis konstati, ke ĉi tie kaj tie ŝi estas modelo de eleganteco kaj distingiĝo.

Jen ĉio, kion mi mem scias pri la japana virino. Sed mi kelkafoje havis la honoron, paroli kun Francinoj jam de longe tie establiĝintaj, kiuj bone konas ŝin, speciale kun tre inteligenta virino jam de dudek-kvin jaroj edziniĝinta kun supera japana oficiro.

El tiuj konversoj kaj el aliaj, ŝajnas al mi, ke profunda evoluado ekfariĝas en la animo de la virinoj de tiu bela lando. Mi kredas, ke anonciĝas granda movado favora al la monogamio. Cetere la ekzemplo venis de supre. La virino eksuferas ne sole pro la hejma ĉeesto de duarangaj virinoj, sed ankaŭ pro la libereco, kiun la edzoj ĝis nun rajtis arogi al si ekster la hejmo kaj eĉ hejme.

La nacia institucio de la „geiŝa" ŝajnas al mi ekminacota. La „geiŝa" ne estas prostituistino. Ĝi estas virino, kies tasko estas plaĉado; oni venigas ŝin je la fino de la manĝoj por ke ŝi ĝojigu la gastojn per sia beleco, per sia spriteco, per siaj konoj pri etiketo, pri bela parolmaniero, pri poezio, kaj per dancoj. Oni asertas al la fremduloj, ke la rilatoj ne preterpasas simplan interparoladon. Oni ankaŭ asertis al mi la malon, kaj mi kredas, ke kiam ĉeestas nur Japanoj

aŭ Eŭropano jam de longe konata kaj kvazaŭ adoptita, la rilatoj, je la fino de la manĝo, post la interŝanĝado de la pokaloj de sakeo (rizbrando), fariĝas malpli decaj. Se laŭleĝaj edzinoj estas iel invititaj, okazas, ke ili vidas siajn edzojn alprenantaj sur la genuoj iun malgrandan „geiŝa" kun sintenado, kiu ŝajnas patreca nur pro la diferenco de la aĝoj. La edzo sin fordonas al tiuj distraĵoj antaŭ sia propra edzino, kaj la grandega plimulto de la Japaninoj, almenaŭ ĝis nun, ne ofendiĝis pro tio. Sed eĉ supozante, ke en tiu ĉi vespero oni interŝanĝas nur spritajn vortojn, oni scias, kiel oni povos renkontiĝi la postan tagon, kaj „la diablo nenion perdas". Sed sian havaĵon la edzo ofte perdas.

La „geiŝa" estas ekstreme alloga. De la sepjara aĝo, ŝi en speciala lernejo estis submetata al instruado, kies sola celo estas la valorigo de ŝia ĉarmo. La disciplino estas severa, kaj la lecionoj estas multnombraj. La knabinoj lernas ludi per la japana gitaro dum longaj lecionoj, kiuj finiĝas nur tiam, kiam eksangas la pinto de la fingroj. Por agordigi ilian voĉon je la taŭga tono, oni uzas tiel kruelajn procedojn. Ĝis la dek-kvara aŭ dek-kvina jaro, la „geiŝa" estas submetata al vera dresado. Ŝi devas krom tio lerni parkere multajn poeziaĵojn; oni ekzercas ŝin pri rapida kaj sprita respondo; oni instruas al ŝi la dancadon, kiu konsistas ne el piruetoj, sed el longa serio de kvazaŭritaj sintenoj, transdonitaj de generacioj al generacioj, kaj kiuj devas esti reproduktataj kun skrupula ekzakteco. Kion oni ankoraŭ instruas al ili? Mi ne scias, sed ĉiuokaze nur tion, kio povas ĉarmi.

La japana edzino, kiu, kiel dirite, estis edukita por fariĝi mastrumistino obeema kaj nescia pri la eksteraj okazantaĵoj, ne povas sukcese konkuri kun la „geiŝa". Pri tio ŝi antaŭe ne pensis kaj ne suferis. Sed nun ŝi pensas pri tio kaj ploras. Ŝi ploras, sed kiam revenas la edzo, je kia ajn horo, li ĉiam trovas ŝin je la pordo, ridetanta, genue salutanta lin, kun la manoj kaj la frunto teren.

Pli ol unu virino tiel agas nur kontraŭvole, kaj mi kredas, ke, post nelonge, la japana edzo aŭdos tiajn frazojn, kiajn malmultaj eŭropaj edzoj ne aŭdis: „De kie vi venas? ... Ĉu tio estas horo por reveno? ... Mi estas la plej malfeliĉa el ĉiuj virinoj! ... Vi ne plu amas min! ... Vi estas malfidela! ... Mi scias, kion mi devas fari! ... Iru denove al ŝi! ... Ne tuŝu min, vi naŭzigas min! ... k. t. p."

Sed multe da neĝo ankoraŭ forfluidiĝos sur la flanko de l' monto Fuji antaŭ ol la Japanoj komprenos, ke la sama virino povas kunigi en si la ĉarmon de la „geiŝa", la dignecon de la edzino kaj la amemon de la patrino. Tamen, ili bone agus ekkomprenante tion rapide, ĉar multaj Japaninoj komencas konscii pri tio.

*Brieux.*
Trad.[1]: *A. R.*

---

## Falsado de antikvaĵoj

Dum printempo 1914, S-ro Widener el Philadelphia aĉetis, laŭdire por unu kaj kvarono da milionoj frankoj, unikan kaskon, konatan kiel la „Kasko de la Morosini", siatempe apartenintan al Vicenzo Morosini, unu el la plej famaj Veneciaj nobeloj de la 16ª jarcento. Dum 1909 S-ro Duveen pagis 82,500 Fr. por du poŝtmarkoj-, unu- kaj du-penny maloftaĵoj el Mauritius, gravuritaj en 1847 de horloĝisto en Port Louis, kies posedaĵon alrevis ĉiu kolektanto. Dum elvendo en New York, antaŭ sep jaroj, biblio de Gutenberg estis vendata al S-ro Huntington por 250,000 Fr.

Certe, estas esceptaj prezoj. Sed ĉiujare, en Londono, Parizo kaj aliaj mondurboj, mirigaj sumoj estas elspezataj por antikvaj pentraĵoj, juveloj, statuoj, libroj kaj gravuraĵoj. Donas tian monon la milionuloj, kiuj de la kolekto da moneroj turnis sian intereson al la kolekto de Nederlandaj majstroj aŭ de Ĥina porcelano. Ĉu estas do mirige, ke multaj kapablaj, sed senkonsciencaj artistoj kaj metiistoj fariĝas krimuloj kaj falsas?

Tiu metio estas tiel malpli danĝera ol strata rabado, tiel pli profitiga ol la rompo de feraj ŝrankoj, tiel pli respektata ol la imito de moneroj kaj ĝis tia grado nekonata de la policanoj kaj juĝistoj, ke la falsado de antikvaĵoj eĉ ne plu estas specialaĵo, sed disvolviĝis kiel fabrika industrio. En certa urbo antikvaj mebloj kaj tapiŝoj estas regule produktataj; en Egipto skarabeoj kaj statuetoj estas hejma industrio; aliloke denove la kreado de malnovaj italaj majstroj estas tiel kutima, ke vermboritaj lignaj tavoloj, sur kiuj de mano el la dudeka jarcento estos pentrataj sanktuloj en la maniero de la dek-sesa, staras senhonte antaŭ la magazeno, por ke sekiĝu la ora fundo.

Kompreneble ne mankas malkovroj se la imitita antikvaĵo estas speciale mallerta, sed entute malmultaj falsistoj estis persekutataj kaj malliberigataj. Unuflanke, en tiu komerco la rilatoj inter vendisto kaj aĉetanto similas al la ĉevalkomerco: „ĉiu rigardu mem"; aliflanke milionulo, kiu neniam farus kontrakton ne konsultinte advokaton, kiu traserĉus tutan korbon de fragoj por certiĝi, ke li ne fidis al mensogulo, tia homo ne vigle deziras esti konigata en la gazetoj kiel trompito. La ludo ŝmiri la milionulon estas tiel facila, ke la falsistoj de antikvaĵoj eĉ imitas modernajn artistojn. Corot, Henner, Inness, Wyant kaj Homer Martin, ĉiuj estis malhoneste imitataj. T. Sedney Cooper iam ekzamenis 286 pentraĵojn al li aldiratajn, inter kiuj li trovis ne malpli ol 255 falsajn.

Kiam grandega sumo estas postulata, la aĉetonto kutime alvokas spertulon je kies juĝo li plene fidas. Ekzistas ja kleruloj, kiel la profesoro F., kiu el nura kurbo de haro ĉe marmora busto povas certigi, ĉu estas produkto el la plej bona romana epoko aŭ moderna imitaĵo; troviĝas arĥeologoj kun tia sperto pri malnovaj manuskriptoj, ke ili precize konas la ŝanĝojn de la grekaj literoj dum ĉiu jarcento; estas antikvistoj, kiuj el la sola postsigno de ilo vidas, ĉu iu seĝo estis farita en la dudeka aŭ la deksepa jarcento. Sed ne multaj ili estas, tiuj plej saĝaj, ĉion konantaj spertuloj. Kaj eĉ ili ... povas esti trompataj.

Tuta komitato de spertuloj estis iam tiel blindigata, ke konata art-muzeo perdis pro ĝia konsilo konsiderindan kapitalon. Tio okazis kiam Schapschelle Hochmann, ruso, aperis en la muzeo, proponante al aĉeto belegan konusforman ĉapon (Tiaro) el pura martelita oro, kun enskribo, laŭ kiu ĝi estis donacita je la jaro 200 a. K. de la greka kolonio en Olbia al la Skita reĝo Saitapharnes. Post rekomendo de sia komitato la muzeo pagis ducent mil frankojn al Hochmann, kiu post dudek-kvar horoj forvojaĝis.

Ke la ĉapo estis mirinda, neniu povis nei. Tiel lerte ĝi estis laborita ke, laŭ la opinioj de famaj juvelistoj, eble Benvenuto Cellini estus povinta krei ion saman, sed neniu nuntempa artmetiisto.

Kelkajn jarojn poste aperis en jurnalo letero de rusa juvelisto Lifschitz, kiu pretendis esti vidinta en Odessa, kiel iu Rouchomowski verkis la ĉapon, kaj ricevis por ĝi 2500 frankojn. Tuj ekfondiĝis en la urbo du partioj: la Tiaristoj kaj la Antitiaristoj. La jurnaloj komencis akrajn disputojn.

Fine entreprenema jurnalisto venigis tiun Rouchomowski al la urbo. La parlamento sin ankaŭ okupis pri la afero kaj

---

[1] El vojaĝimpresoj pri *Japanujo*, de la verkisto Brieux, el la Franca Akademio.

transdonis ĝian esploron al profesoro. Ĉi tiu donis al la rusa metiisto iom da oro, postulis, ke li memore reproduktu certajn partojn de la ĉapo, kaj enŝlosis lin. Rouchomowski plenumis sian taskon kun sama precizeco kiel aŭtomata fortepiano ripetas ree kaj ree fugon de Bach. La profesoro estis kontenta, ankaŭ la muzeo, ankaŭ la urbo. Sed la Tiaro estis translokata el la arta muzeo en tiun por la artaj metioj. Kial? Ĉu ĝi ĉesis esti belega? Aŭ ĉar ne estis akceptebla la ideo ke „stulta Ruso“ povas esti samranga kiel Cellini?

Post tiu afero nur forpasis kelkaj jaroj, kiam denove la artamantoj estis atentigataj de misŝanco okazinta al la direktoro de alia, konkuranta muzeo. Li, en sia lando la plej eminenta spertulo pri itala arto, estis paginta du cent mil frankojn por busto el vakso tiel rimarkinda laŭ formoj kaj stilo, ke ĝi nepre devis deveni de Leonardo da Vinci aŭ lia skolo. Aliaj specialistoj ne estis tiel certegaj kaj klare disvolvis siajn dubojn. Poste la disputo estis silentigata per la interveno de la persono plej altranga de la lando, kiu decidis, ke tiu busto „Flora“ estas originala. Tiun fojon la verulo aperis en la persono de Anglo, Lucas, kiu pretendis, ke la busto estas la verko de lia patro, de talenta sed ne multŝatata artisto, kaj ke li, kiel knabo, vidis la patron ĝin modelanta. Nun, se profesoro iam decidis kiam kaj kiel bildo estis pentrita aŭ statuo skulptita, tiam la kontraŭa atesto de okulvidinto ne multe gravas. Estis malfacile al Lucas pruvi sian pretendon. Fine pecetoj de la veŝto de S-ro Lucas patro, malnovaj gazetoj kaj la gluo, kiuj troviĝis en la miksaĵo de la materio, konvinkis la artistan mondon, ke la Flora ne devenas de Leonardo.

Pro justeco kontraŭ la forgesita skulptisto Lucas, decas rimarki, ke li neniel intencis falsi la faman Italon. Li modelis sian buston laŭ malnova pentraĵo, kaj okaze lia verko venis en la manojn de antikvaĵistoj.

Alie estis kun Bastianini, nedube unu el la plej eminentaj skulptistoj de la 19a jarcento, kiu tiel erarigis la artistojn, ke ili volonte akceptis liajn figurojn el terra-cotta kaj marmoro kiel renesancaj produktoj.

De longe antaŭ kiam oni atentis lin, Bastianini laboris kiel salajrita imitisto por Firenca artkomercisto, por kiu li verkis renesancajn kamenojn kaj inter alie Sanktan Familion en malalta reliefo tiel rimarkindan, ke ĝi estis vendata kiel vera Verocchio. Konata fariĝis la skulptisto per sia busto de la poeto Benivieni. La mastro pagis al sia laboristo tutajn 350 lirojn, poste vendis la buston al alia komercisto, kiu denove ĝin vendis al granda muzeo por ne malpli ol 14,600 frankoj. La busto trovis honoran lokon flanke de verkoj de Michelangelo kaj Cellini. Baldaŭ laŭtiĝis en Italujo voĉoj kontraŭ la aŭtentikeco de la busto. La muzeestro deklaris sin preta tuj pagi pliajn dek-kvin mil frankojn, se iu povus refari tian skulptaĵon, kaj Bastianini, pere de itala jurnalo, akceptis la proponon. Sekvis la kutima gazeta disputego, ĝis venis plenaj pruvoj: la mastro de Bastianini konfesis; laboristoj el cigarfabrikejo atestis, ke ilia kamarado, Bonajuti, pozis kiel modelo; kaj fidindaj artistoj certigis esti vidintaj la buston en la skulptejo de Bastianini. Sekve la busto estis translokigata en alian muzeon.

Bastianini faris dekduojn da belegaj reliefoj kaj skulptaĵoj, akceptitaj kiel aŭtentikaj de plej famaj kritikistoj kaj artistoj. Li estas ankaŭ la verkinto de la „Firenca Kantisto“ [1] mondfama, multreproduktata statuo. Lia busto de Savonarola facile vendiĝis kiel skulptaĵo el la tiama epoko, kaj estis tiel altŝatata, ke la Granda Dukino de Ruslando intencis konstrui specialan templeton por ĝin loĝigi laŭvalore. Fine ĝi estis pruvata kiel falsaĵo.

Nekredeble ŝajnas, ke eĉ oni imitas imitaĵojn. Dum sia vivo Albrecht Dürer multe suferis pro la kopiaĵoj de iu Marc Antonio, kiu superŝutis Italujon per lertaj imitoj de Düreraj gravuraĵoj, ĉiuj kun la A. D., la signo de tiu fama germano. Malespere Dürer iris Venecion klopodante tion malpermesigi per la tribunalo. Ĝi decidis, ke ĝi ne rajtas malhelpi Antonion, ke li kopiu la gravuraĵojn, sed ke ĝi malpermesos aldoni la signon de Dürer. Ĝis hodiaŭ tiaj Marc Antoniaj falsaĵoj vendiĝas kiel originaloj. Sed plu, ankaŭ la falsaĵoj en si mem havas valoron kiel interesaj kopioj, do oni fabrikas ilin.

Portretoj de Shakespeare. — Se kolektanto akiras nescie imitaĵon, sed bonan kaj pro ĝia interna valoro, ekz. de Bastianini aŭ Marc Antonio, li estas pardoninda. Li havas belaĵon, de kiu ajn ĝi devenas. Sed kiu estas la taŭga vortaĉo por persono, kiu, pro pala verŝajneco, aĉetas pentraĵon, kiun la tuta mondo jam serĉis de pli ol ducent jaroj kaj kiu devas plenumi certajn fiksitajn postulojn. Ree kaj ree tia vorto devus esti aplikata al la personoj pretendantaj posedi la sole veran portreton de Shakespeare. La sciencistoj scias, ke nur lia busto en Stratford-on-Avon kaj unu gravuraĵo meritas seriozan atenton, kvankam neniu el ambaŭ estis farita dumvive. Tio ne malhelpas, ke, laŭ diro de tre serioza specialisto, minimume du dekduoj da pentraĵoj kaj dekduo da miniaturpentraĵoj estis plenfide aĉetitaj kiel aŭtentikaj de iliaj nunaj posedantoj. — Se vi trovas portreton el la 17a jarcento, de sinjoro pensema, kun alta frunto, animplenaj okuloj, kun kolumo en formo de muelŝtono kaj triangula barbeto, vi simple bezonas aldoni daton „1603“, „1605“ aŭ „1609“, mallaŭte konigos, ke eble estas Shakespeare, kaj ĉiun ŝancon vi havos eltiri belan prezon. Tia almenaŭ ŝajnas esti la naiva historio de diversaj portretoj, kaj malfacile estas konvinki iliajn akirintojn, ke ne estas bildo genue adorinda.

Kion diri pri la amasego da antikvaj ŝrankoj, telermebloj, kestoj, seĝoj k. t. p. kiuj staras respektataj en la salonoj aŭ travojaĝas la magazenojn, ĉiuj sub la nomo de konata artmetiisto? Certe ĉiu lando kaj regiono havas bonan nombron da tiaj famuloj, pli malpli internacie konataj, sed tio ne ŝanĝas, ke ili estis metiistoj kaj ne fabrikposedantoj. Sole aŭ kun malmultaj helpantoj ili desegnis, okaze mem kunigis ĉiun meblon, sekve ne povis produkti la dekonon de la lignaĵaro nuntempe al ili atribuata.

La plezuro malkovri antikvaĵojn en la tero ŝajnas esti tiel abunda, ke ĝi eĉ trompas la aĉetantojn por muzeoj. Antaŭ pli ol dudek jaroj Michel Kaufmann, germana masonisto, ludis tiun sporton kun spertuloj el sia kaj aliaj landoj. Li imitis tiel sukcese, ke ankoraŭ hodiaŭ kelkajn el liaj trovitaĵoj eminentuloj taksas kiel aŭtentikaj. Lia specialeco estis „trovigi“ siajn produktojn en la tero, kun la ĉeesto de sciencistoj. La unua trovo estis Roma forno. Eble ĝi estis vere antikva, almenaŭ la muzeestro tion kredis. Jaron post jaro tiaj fornoj kaj potbruligejoj estis elfosigataj, entute 117 instaloj. Kun la tempo li fariĝis pli kuraĝa tiel ke oni ankaŭ trovis en ili finitajn kaj duonfinitajn potojn, pladojn, kaj argilon. „Tiuj estas la plej belaj ekzemploj pri la arto de la Romaj potistoj“, deklaris la muzeestro.

La trovitaĵoj estis tuj akirataj de diverslandaj notindaj muzeoj kaj privatuloj. Fine la ŝtata ministro de la lando ekmiris, sendis la muzeestron por esploro, kaj tiu raportis, ke ĉio estas en ordo. Ree grandiĝis la kuraĝo de Kaufmann. Nun li „trovis“ en la tero reliefan portreton de la imperiestro „Antonius“, rajdanta sur ornamita ĉevalo, en la mano fieran paradglavon, kaj sur la kapo . . . perukon el epoko Ludoviko XIV. Tio estis tro, eĉ al ĝentila arĥeologisto. Kaufmann estis malkovrata, sed mortis nepunite.

[1] Sen garantio. En bildkatalogo de la Ny Carlsberg Glyptothek Kopenhago, ni trovis: „Paul Dubois, Florentinsk Sanger.“ Pri la statuo ne estas dubo; ĉu eraris la katalogisto kun Dubois aŭ nia aŭtoro kun Bastianini, ni ne scias. *La trad.*

La sciencaj sekvoj de tiaj imitaĵoj estas ofte gravaj. Interesa kazo, kie pro trompo la scienco starigis erarajn teoriojn, estas tiu de S-roj Candolle kaj Sternberg. Ambaŭ estis famaj botanikistoj; ambaŭ (kaj sendepende) intencis esplori la ĝermforton de semeroj; ambaŭ volis provi kun semoj el la antikvaj egiptaj tomboj kaj ambaŭ, ho stranga okazo, petis la saman sinjoron en Kairo, ke li havigu ilin. Ĉi tiu facile akiris de komercisto la bezonitaĵon. Baldaŭ poste aperis profundaj artikoloj de Candolle kaj de Sternberg pri la mirinda vivforto de semo tritika kaj hordea, malnova milojn da jaroj, ĉar ambaŭ estis ricevintaj el la semoj belajn kreskaĵojn. Gravaj sciencaj konkludoj estis el tio tiritaj; la rezultato de la esploroj aperis en simpligita formo en gazetoj, lernolibroj k. t. p. Fine S-roj Edmond Gain kaj Maspero pruvis, ke la esploristoj estis senhonte trompitaj: la komercisto en Kairo, anstataŭ liveri semon el antikva tombo, simple vendis altpreze semon de la lasta jaro.

*(Daŭrigota.)*

*Waldemar Kampffert.*
Trad.[1]: *Ed. Stettler.*

[1] El „*The Strand Magazine*".

# ✽ NOTOJ ✽

.˙. **La progresado de Islando.** — Societo, kies kapitalo estas preskaŭ tute norvega, estis kreita en Kristiania por ekspluati la hidraŭlikajn fortojn de Islando. Oni taksas, ke la uzado de la islandaj riveroj povos liveri unu milionon da ĉevalfortoj. Tiu projekto havos kiel konsekvencon la starigon de fervojo, la unua en tiu ĉi insulo, kaj oni antaŭvidas gravan progresadon de la industrio en Islando.

.˙. **La progresoj de radiotelegrafio.** — La klopodoj por telegrafado per senfadena telegrafo estas ĉiam pli kaj pli kronataj je novaj sukcesoj. Jam antaŭ la eksplodo de la milito dum printempo 1914 telegramo transdonita de la Berlina radiotelegrafia stacio Nauen al la vaporŝipo „Sta Traofalger" troviĝanta en Pernambuko (Brazilujo) povis esti kaptata kaj tralegata. La distanco laŭ aera linio estas 9000 kilometroj. Dum 1915 post kiam la Nauen'a telegrafturo, alta 256 metrojn, estis farita, apartaj telegramoj transdonataj el Germanujo povis esti kaptataj kaj tralegataj en Hawaï, do je 14,500 kilometroj. Laŭ komuniko de „Elektrison" la perfektigita senfadena telegrafa stacio en Nov-Zelando povis kapti kelkafoje telegramojn senditajn el Nauen. La distanco inter tiuj du stacioj estas 19,300 km.

.˙. **La vido de blinduloj.** — Eksperimentoj de grava intereso laŭ scienca kaj humana vidpunkto estas nuntempe farataj en Nice.

Pola sciencisto, S-ro Kann, eltrovis aparaton, kiu permesus al personoj blindigitaj akcidente kaj precipe de militvundoj, percepti certajn vidpovojn.

La inventaĵo bazas sur la sekvantaj principoj:

1e Ne ekzistas, science, opakaj korpoj. Certaj radiadoj lumaj povas videbligi ĉiujn objektojn, eĉ trans opaka ekrano.

2e La blindeco, eĉ en la plej grava kazo de enukleado de la okulo, ne sekvigas malsentemon de l' nervo optika, kiu restas influebla de luma impreso.

S-ro Kann konstruigis aparaton en formo de karnavalmasko, kiun oni almetas sur la vizaĝon de l' blindulo, kaj kiu estas en kontakto kun portebla aparato de elektra induko. La aparato enhavas ankoraŭ prismajn lentojn kaj kameron filtrantan la lumajn kaj fosforantajn radiadojn.

Iom post iom, laŭ la precizaj eksperimentoj de l' inventinto, la blinduloj, al kiuj estis faritaj la eksperimentoj, rimarkis anstataŭ la kutima flavŝajna grizo: 1e ĉiujn kolorojn de la spektro de post la ruĝa; 2e la blankan naturan lumon; 3e ombrojn kaj objektojn en tiu blanka lumo. Unu el ili distingis eĉ diversajn meblojn, rimarkis kaj diferencigis grupojn de du aŭ tri fingroj kaj montris la limon de ĝardeno forte lumigita.

.˙. **La aĝo de la tero.** — Novaj esploroj precipe tiuj pri la mirakla substanco Radiumo, donis novajn klarigojn pri la malnova demando pri la aĝo de la tero. En artikolo pri aktiveco de radiumo, kiun publikigis Paul Vierkötter (Jena) en la „Naturscienca semajna ĵurnalo" estas pritraktita tiu ĉi demando. Por la kalkulo donas bazon la disiĝo de la radiumo kaj la disvolvo de la varmo. Unu gramo de radiumo donas laŭ Soddy en la horo 100 kaloriojn, laŭ aliaj diroj eĉ 118, do pli ol estas necese por fandi unu gramon de glacio. Rutherford kaj Soddy donis unue la opinion, ke la disvolvo de varmo ĉe la granda maso de ekzistanta radiumo ŝajnas partopreni ĉe la sun- kaj tervarmo. Prenante aliajn fizikajn datojn ili provis eldiri ion pri la aĝo de la tero. Lord Kelvin venis ĉe sia taksado de la aĝo de la tero kiel loĝita mondo al la nombro de 10,000,000 jaroj per tri sendependaj inter si observoj. La unua apogis sin nur sur la interna varmo de la tero kaj la alpreno de la temperaturo sub la surfaco de l' terglobo; la dua pruvo sin apogis sur la prokrastoj de la alfluo kaj la tria sur la kvanto de tempo, kiun povus daŭri la radiado de la suno. Lyell kaj aliaj, precipe Darwin, konsideras kiel ne sufiĉa 300,000,000 jarojn por proporcie mallonga parto de la pli nova geologia historio. En sia takso pri la plej alta aĝo de la tero Soddy venas laŭ observoj pri radiuma aktiveco al plej ekstrema aĝa limo de 100,000,000,000 jaroj.

.˙. **Kiom kostas la milito.** — La plimulto de la homoj, kutimantaj kalkuli laŭ centoj, plej multe laŭ miloj, ne klare komprenas, kion prezentas precize la cifero de 800 miliardoj, kiujn la milito kostis ĝis nun al la diversaj militlandoj. Amerika ĵurnalo, tamen, venas al helpo, klarigante, ke la tuta kosto de la amerika interna milito estas duobligata ĉiudusemajne en la nuna milito. Ĉiu kvinsemajna periodo prezentas la tutan koston de la milito 1870 71. La 800 miliardoj permesus fosi 400-foje la Panaman kanalon por la prezo, kiun ĝi kostis aŭ konstrui 92 fervojojn ĉirkaŭantajn la teron.

.˙. **Kontraŭ la tuberkulozo.** — La unua ĉefhelpanto ĉe la Londona higiena fako, F. N. Kay Menzies, faris interesajn deklarojn pri la militiro kontraŭ la tuberkulozo en Londono. Li statistike pruvas, ke la nuna mortado pro tuberkulozo estas duone malpli alta ol en 1860—1870.

Tiu rezultato estas ŝuldata ne nur al la plibonigo de la strado, al la progresoj de la higieno kaj al la edukado de la infanoj pri la rimedoj kontraŭ infektiĝo, sed ankaŭ al la movado por la senpagaj kuracoj kaj apotekoj. Kiam tiu movado komencis en 1914, la hospitaloj kaj sanatorioj enhavis nur tridekon da litoj por infanoj kaj nenian instalon por plenaĝuloj. Nuntempe, la nombro de la litoj atingas 1000, el kiuj 800 por infanoj kaj 200 por plenaĝuloj.

Oni intencas grave plibonigi la aranĝon de la farmoj kaj kampaj kolonioj por tuberkulozuloj. Oni izoligos la personojn atingitajn de kaverna tuberkulozo kaj zorgos pri tio, ke la lernejoj estu pli bone aerataj.

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*

 LITERATURO 

# Sinjorino Mac Williams kaj la fulmo

De **Mark Twain**

---

Do, sinjoro — daŭrigis sinjoro Mac Williams, ĉar tio ne estis la komenco de lia babilo, — la timo de la fulmo estas unu el la plej premigaj malsanetoj, per kiuj homa estaĵo povas esti ŝarĝata. Ĝenerale ĝi estas limigata je la virinoj; okaze vi trovas ĝin ĉe hundeto, iam eĉ ĉe viro. Estas speciale malagrabla peno, ĉar ĝi forrabas el persono la sintenadon ĝis tia grado kiel neniu alia timo, kaj oni povas ĝin forigi nek per rezonado, nek per ridindigo. Virino, kiu kuraĝus kontraŭstari eĉ al la diablo aŭ al muso, perdas ĉiun forton kaj disreciĝas vidante ekbrilon de fulmo. Estas mizerige vidi ŝian timon.

Do, kiel mi rakontis al vi, mi vekiĝis kaj en miaj oreloj sonis la sufokata kaj neelparolebla krio: Mortimer, Mortimer. Tuj kiam mi povis kolekti miajn kapablojn mi palpis en la mallumo kaj poste diris:

„Evangelino, ĉu vi vokis min? Kio estas? Kie vi troviĝas?“

„Enŝlosita en la ŝu-ŝranko. Vi devus honti, ke vi kuŝas tie kaj dormas, dum regas tia fulmotondro.“

„Bone, sed kiel oni povas honti dormante? Estas malsprite; viro ne povas honti dum li dormas, Evangelino.“

„Vi neniam provas, Mortimer — bone vi scias, neniam vi provas.“

Atingis min la sono de premita plorado.

Tiu sono mortigis la akran respondon, kiu estis ĉe miaj lipoj, kaj mi ŝanĝis ĝin al:

„Mi bedaŭras, karulino, mi vere bedaŭras. Mi neniam intencis tiel agi. Revenu kaj — —“

„Mortimer!“

„Ĉielo, kio estas, karulino?“

„Ĉu vi volas diri, ke vi estas en la lito, ankoraŭ?“

„Kial? Certe.“

„Eliru tuj! Mi povus pensi, ke almenaŭ iomete vi atentus vian vivon, pro mi kaj la infanoj, se vi ne volas vin konservi por vi mem.“

„Sed, karulino — —“

„Ne respondu, Mortimer. Vi scias, ke ne estas loko tiel danĝera kiel lito, dum tia fulmotondro; ĉiuj libroj ĝin diras; tamen vi kuŝus, kaj plenintence forjetus vian vivon — Dio scias kial, se ne por ke vi povu rezoni kaj rezoni kaj — —“

„Sed, mil tondroj — Evangelino. Mi ne estas en la lito nun. Mi estas — —“

Frazo interrompita de subita ekbrilo de fulmo, sekvata de timplena krieto de sinjorino Mac Williams kaj fortega bato de tondro.

„Jen! Vi vidas la rezultaton. Ho, Mortimer, kiel vi povas esti tiel facilanima blasfemi dum tia vetero?“

„Mi ne blasfemis. Kaj tio ne estis rezultato de ĝi, iel ajn. Ĝi estus okazinta, se mi ne estus dirinta unu vorton; tion vi scias tre bone. Evangelino — almenaŭ vi devus scii — ke se la atmosfero estas ŝarĝata per elektro —“

„Ho jes, nun rezonu, kaj pravigu! Mi ne komprenas kiel vi povas agi tiel, sciante ke ne estas fulmkondukilo sur la domo, kaj ke via edzino kaj la infanoj troviĝas plene en la povo de la Providenco. — Kion vi faras? Ekbruligi alumeton dum tia vetero! Vi do estas tute spiritmalsana?“

„Lasu min, virino! Kia malbono? La ĉambro ja estas malluma kiel la koro de senkredulo, kaj — —“

„Elblovu ĝin, elblovu ĝin tuj! Vi vere volas ruinigi nin ĉiujn? Vi scias, ke nenio altiras la fulmon tiel kiel lumo.“

Fzt! — Kraŝ! — bum, balum, bum-bum!

„Ho, aŭdu ĝin! nun vi vidas kion vi faris!“

„Ne, mi ne vidas kion mi faris. Alumeto povas altiri fulmon, laŭ mia scio, sed ĝi ne kaŭzas ĝin — pri tio mi vetas. Kaj tiun fojon ĝi ne altiris ĝin por unu centimo; ĉar se la fulmo alcelis mian alumeton, estis vere mizera bontrafeco — proksimuma meznombro de nulo je ebleco de unu miliono. Kiam mi estis en la artilerio tia malpreciz — —“

„Hontu, Mortimer! Tie ni staras en la plena ĉeesto de la morto, kaj en tia momento vi kapablas uzi tian lingvon. Se vi ne deziras — Mortimer!“

„Kio?“

„Ĉu vi preĝis tiun nokton?“

„J — es, j — ees, mi intencis, sed mi klopodis eltrovi kiom estas dekdufoje dekdri, kaj — —“

Fzt! — bum — brum — brum! bumbel — umbel — bang, puf!

„Ho, perditaj ni estas, senhelpe! Kiel vi povis malatenti tian gravaĵon dum tia vetero?“

„Sed ne estis tia vetero, ne estis unu nubo je la ĉielo. Kiel mi povis scii, ke tia rum-pum kaj paŭ-paŭ okazos pro tiu forgeseto? Cetere ne estas ĝentile tiel insisti, sciante kiel malofte ĝi okazas. Mi ja ne forgesis preĝi de kiam mi okazigis la tertremon, antaŭ kvar jaroj.“

„Mortimer! Kiel vi parolas! Ĉu vi forgesis la flavan febron?“

„Karulino, vi ĉiam min enuigas per la flava febro, kaj tio estas tute malsprita. Vi eĉ ne povas sendi telegramon ĝis Memphis sen interstacioj, kial do malgranda interrompo de mia kutima preĝado devus havi tiajn sekvojn? Por la tertremo mi akceptas la respondecon, ĝi okazis en la najbaraĵo; sed oni pendigu min se mi devas esti la kaŭzo de ĉiu malbenita — —“

Fzt! Bum berum — bum! bum! pang!

„Ho, mia kara, kara, karulo. Mi scias, la fulmo ion trafis, Mortimer. Neniam ni vidos la lumon de alia tago; sed se tio iel plibonigos vin, kiam ni estos mortintaj, ke viaj blasfemaj vortoj — Mortimer!“

„Kio denove?“

„Via voĉo sonas kiel — — Mortimer, ĉu vi nun staras kontraŭ la kameno?“

„Jes, jen mia krimo.“

„For de ĝi, tuj! Vi ŝajnas esti decidinta detrui nin ĉiujn. Ĉu vi ne scias, ke ne estas pli bona fulmkondukilo ol malfermata kameno? Nun, kien vi iris?“

„Mi estas tie ĉe la fenestro.“

„Ho, kia teruraĵo, ĉu vi perdis vian menson? Forlasu ĝin tiun momenton. Infanetoj en la brakoj ja scias, ke estas danĝere stari proksime de fenestro dum fulmotondro. Kara, kara, mi scias, ke neniam mi vidos la lumon de alia tago. Mortimer?“

„Jes?“

„Kia susurado?“

„Estas mi.“

„Kion vi faras?“

„Mi provas nur trovi la enirejon de miaj pantalonoj.“

„Rapide forjetu ilin! Mi devas kredi, ke intence vi surmetas tiujn ajojn dum tia vetero; vi ja scias perfekte, ke ĉiuj kompetentuloj konsentas, ke lanaj ŝtofoj altiras la fulmon. Ho, kara, kara, ne sufiĉas ke nia vivo estas en danĝero pro naturaj kaŭzoj, vi ankoraŭ devas fari ĉion elpenseblan por ĝin pligrandigi. — Ho, ne kantu! Kion vi pensas!“

„Nun, kia malbono?“

„Mortimer, mi instruis vin unufoje, mi estas dirinta centfoje, ke kantado kaŭzas tremojn en la atmosfero, kiuj disrompas la fluadon de la elektra forto, kaj — — —. Sed kial do vi malfermas la pordon?“

„Sankta ĉielo, virino, ĉu denove estas danĝero en tio-ĉi?“

„Danĝero? La morto estas en ĝi! Ĉiu kiu iom studis la problemon scias, ke okazigo de aerfluo estas invito al la fulmo. Vi nur fermis ĝin duone; fermu ĝin plene — kaj rapidu, aŭ ni estos detruitaj. Ho, kia mizero esti enfermata kun frenezulo dum tia vetero. — Mortimer, kion vi faras?“

„Nenion, mi nur turnas la akvokranon. La ĉambro estas sufokige varma. Mi volas freŝigi vizaĝon kaj manojn."

„Vi certe forigis la lastan reston de via menso! Se fulmo trafas alian aĵon unufoje, ĝi trafas akvon kvindekfoje. Ne fluigu ĝin. Ho, karulo, mi estas certa ke nenio en la mondo povas nin savi. Ŝajnas al mi — — Mortimer, kio estas tio?"

„Estis malbeni — estas pentraĵo. Mi puŝis ĝin teren."

„Do vi estas proksime de la muro! Neniam mi aŭdis pri tia malsingardemo! Vi do ne scias, ke ne estas pli bona fulmkondukilo ol muro? Foriru de ĝi! Kaj tute proksime vi estis je nova blasfemo. Ho, kiel vi povas esti tiel profunde pekema, kaj via familio en tia danĝero? Mortimer, ĉu vi venigis lanugan lit-kovraĵon, kiel mi petis vin?"

„Ne. Ĝin forgesis!"

„Forgesis ĝin! Tio povas kosti al vi la vivon. Se vi havus lanugan kovraĵon, kaj povus sterni ĝin meze en la ĉambro kaj kuŝi sur ĝi, vi estus tute protektata. Venu tien — venu rapide, antaŭ kiam vi havos eblecon fari pliajn frenezajn petolaĵojn."

Mi provis, sed la ŝranko ne povis nin kunteni ambaŭ, kun fermita pordo, se ni ne volis sufoki. Momenton mi spiregis, poste liberigis min. Mia edzino kriis:

„Mortimer, io devas esti farata por via protekto. Donu al mi la germanan libron, kiu troviĝas sur la kameno, kaj kandelon; sed ne ekbruligu ĝin; donu al mi alumeton, mi bruligos ĝin tie-ĉi."

Mi trovis la libron, je la kosto de vazo kaj de aliaj rompitaĵoj, kaj la edzino sin ree enfermis kun sia kandelo. Momenton mi havis pacon, poste ŝi vokis:

„Mortimer, kio estis tio?"

„Nenio krom la kato."

„La kato! Kia pereo! Kaptu kaj enfermu ĝin en la lavtablo! Rapidu, karulo; katoj estas plenaj de elektro. Mi sentas, ke miaj haroj blankiĝos pro la teruraj danĝeroj de tiu nokto."

Denove mi aŭdis la premitan ploradon. Escepte pro ĝi, mi ne estus movinta manon aŭ piedon por tiel riskoplena aventuro en la mallumo.

Tamen mi entreprenis la ĉason — super seĝoj kaj kontraŭ ĉiaspecaj baraĵoj, ĉiuj malmolaj, multaj kun akraj anguloj — kaj fine mi sukcesis malliberigi „Kitty" en la komodo, kun perdo de pli ol kvarcent dolaroj por meblaro kaj kontuzitaj ostoj. Poste la jenaj murmuritaj vortoj eliris el la ŝranko:

„Ĝi diras, ke plej bone estas stari sur seĝo en la mezo de la ĉambro, Mortimer; kaj la piedoj de la seĝo devas esti izolataj per ne-kondukiloj. Tio estas, vi devas meti la piedojn de la seĝo en akvo-glasojn."

Fzt! — bum! — bang! — smaŝ!

„Ho, aŭdu ĝin! Rapidegu, Mortimer, antaŭ kiam vi estos trafata!"

Mi havis la ŝancon trovi kaj kapti la akvoglasojn. Estis la kvar lastaj — la aliajn mi rompis. Mi izoligis la seĝon kaj vokis por pliaj instruoj.

„Mortimer, ĝi diras: ‚Während eines Gewitters entferne man Metalle, wie z. B. Ringe, Uhren, Schlüssel usw. von sich und halte sich auch nicht an solchen Stellen auf, wo viele Metalle bei einander liegen, oder mit anderen Körpern verbunden sind, wie an Herden, Öfen, Eisengittern und dergleichen. (Dum pluvego oni malproksimigu de si la metalojn, kiel ekzemple ringojn, horloĝojn, ŝlosilojn k. t. p., kaj ankaŭ ne restu ĉe lokoj kie troviĝas multaj metaloj aŭ aĵoj kunigataj kun metaloj, kiel ĉe kuirfornoj, fornoj, feraj kradoj kaj similaj objektoj.)' Kion volas diri tio, Mortimer? Ĉu tio volas diri, ke oni devas havi metalojn proksime de si aŭ malproksime?"

„Ho, mi apenaŭ scias. Ŝajnas esti iom miksita. Ĉiuj germanaj konsiloj estas pli-malpli miksitaj. Tamen, mi pensas, ke tiu frazo estas ĉefe en la dativa kazo, kun iomete da genitivo kaj akuzativo dissemitaj, tie kaj aliloke, laŭŝance; do mi supozas, ke oni devas havi kelkajn metalojn proksime de si."

„Jes, tiel devas esti. Tio bone kompreniĝas, la metaloj estas en la naturo de la fulmoj. Surmetu vian kaskon de fajristo, Mortimer! Ĝi ĉefe konsistas el metalo."

Mi prenis kaj surmetis ĝin — peza, ĝena malkomfortaĵo dum varma nokto en fermata ĉambro. Eĉ mia noktvesteto ŝajnis esti pli ol mi bezonis.

„Mortimer, mi pensas, ke vi ankaŭ devus protekti vian korpon. Ĉu vi bonvolus ĉirkaŭligi vian militistan sabron?"

Mi obeis.

„Nun, Mortimer, vi devus ion trovi por protekti viajn piedojn. Bonvolu meti viajn spronojn."

Mi faris ĝin — silente — estrante laŭpove mian koleron.

„Mortimer, ĝi diras: ‚Das Gewitterläuten ist sehr gefährlich, weil die Glocke selbst, sowie der durch das Läuten veranlasste Luftzug und die Höhe des Turmes den Blitz anziehen könnten.' (Estas tre danĝere sonorigi la sonorilon [de la preĝejo — malnova kutimo] ĉar la sonorilo mem kiel la aerblovo, kaŭzata de la sonorado, kaj la alto de la turo povus altiri la fulmon.) Mortimer, ĉu tio volas diri, ke estas danĝere ne sonorigi la preĝejajn sonorilojn dum fulmotondro?"

„Jes, ŝajnas esprimi tiun opinion — se estas la participo antaŭestinta de la nominativa kazo en ununombro, kaj mi supozas, ke estas. Jes, mi pensas, ke ĝi volas diri, ke pro la alto de la preĝejturo kaj la foresto de „Luftzug" estus tre danĝere ne tiri la sonorilojn dum pluvventego; kaj plie, ĉu vi ne vidas, ke la preciza esprimo — —"

„Ne zorgu pri ĝi, Mortimer; ne perdu la multekostan tempon parolante. Serĉu la grandan sonorilon por la manĝoj; ĝi estas dekstre en la koridoro. Rapide, Mortimer, kara! Ni estas preskaŭ savitaj. Ho, karulo, mi kredas, ke fine ni eliros el la danĝero!"

Nia somera dometo staras sur la supro de aro da montetoj, kun rigardo al valo. Kelkaj kampodomoj estas en la najbaraĵo, la plej proksima je ĉirkaŭ tricent aŭ kvarcent metroj.

Kiam, starante sur la seĝo, mi estis frapinta la teruran sonorilon dum sep aŭ ok minutoj, niaj rulkurtenoj estis subite levataj el ekstere kaj brila reflektiga lanterno puŝata al la fenestro, sekvata de la raŭka demando:

„Kion en la mondo vi faras ĉi-tie?"

La fenestro estis plena de kapoj, kaj la kapoj plenaj de okuloj, kiuj mirege rigardis mian noktveston kaj la militistan ekipaĵaron. Mi demetis la sonorilon, konfuze saltis de la seĝo kaj diris:

„Nenio grava, amikoj — nur iom da peno pro la fulmotondro. Mi klopodis forigi la fulmon."

„Pluvventego, fulmoj? Pro kio, sinjoro Mac Williams, vi perdis vian spiriton? Estas belega, stelklara nokto; okazis neniu ventego."

Mi rigardis eksteren kaj estis tiel mirigata, ke dum momento mi ne povis diri vorton. Poste mi respondis:

„Tion mi ne komprenas. Ni ja precize vidis la brilon de la fulmoj tra la kurtenoj kaj aŭdis la tondron."

Unu post la alia, la viroj falis teren pro ridego, kaj du el ili mortis. Unu el la postvivantoj rimarkis:

„Mizerulo, vi do ne suprenigis la rulkurtenojn kaj rigardis la altan monteton trans la valo? Tio kion vi aŭdis estis kanonoj; kion vi vidis estis la pafbrilo. Komprenu, la telegrafo alportis al ni kelkajn novaĵojn, ĝuste dum meznokto: Garfield fariĝis prezidanto — jen la kaŭzo!"

Jes, sinjoro Twain, kiel mi diris komence, la reguloj por sin protekti kontraŭ fulmo estas tiel bonegaj kaj multnombraj, ke estas al mi la plej nekomprenebla afero en la mondo kiel persono povas sukcesi esti trafata.

Tion dirante, li kunprenis sian saketon kaj pluvombrelon; la vagonaro estis atinginta lian urbon.

Trad.: *Ed. Stettler.*

---

# Esperantismo kaj novaj ŝtatoj

Eble la ĉefa rezultato de la milito estos la renaskiĝo de diversaj ŝtatoj en orienta Eŭropo precize en tiu parto de l' mondo, kie aperis Esperanto. Preskaŭ neniu en Okcidento komprenis kaj antaŭvidis, ke fatale tiu granda skuo devos inciti la multajn gentojn de l' rusa Imperio barakti por regajni ilian antikvan sendependecon. Eĉ hodiaŭ, ekzistas multaj personoj, kiuj volonte diras pri Ukraino aŭ Litovujo, ke ili ne ekzistas, kaj ĉiu povas vidi, ke politikistoj neantaŭvidemaj laboras ankoraŭ por restarigo de vasta unu Rusujo.

Estas vere, ke tre malmultaj homoj en Okcidento ion aŭdis antaŭ la milito pri la diversaj gentoj, kiuj loĝas sur la grandega teritorio regita de l' caroj. Eĉ en lernejoj, francaj, anglaj kaj germanaj, infanoj ricevis iluziojn pri unueco de l' orienta giganta ŝtato. Inter tiuj, kiuj ne partoprenis tian eraron kaj estis iom pli bone informitaj pri la vera stato de tiuj landoj inter Balta kaj Nigra maroj, oni povas kalkuli la Esperantistojn. Efektive, la tuta predikado de nia dolore bedaŭrata Majstro, D-ro Zamenhof, montris al ni ne nur la diversecon de gentoj pola, hebrea, ukraina, litova, leta, esta, fina, blank-rusa, tatara, georgia, armena, kirgisa, k. t. p., sed ankaŭ la disputojn kaj ofte malamon, kiuj ekzistas inter ili. Aŭdante la genian parolon de l' amata mortinto estis facile kompreni, kiel fervore li deziris pacigon inter tiuj popoloj.

Cetere listoj de diverslingvaj Esperanto-lernolibroj, legado de naciaj Esperantaj gazetoj kiel „*Pola Esperantisto*", „*Ukrajna Stelo*", k. t. p., korespondado kun samideanoj de tiuj regionoj konigis al ni la ekziston de tiuj nacioj premataj sub fremda regado.

Kiu el ni ne memoras ankaŭ la indignan proteston de finlanda aŭ pola delegitoj ĉar la sekretario de kongreso nia forgesis kalkuli ilian nacion sur la listo de l' parolontoj ĉe l' malferma kunsido?

Tiel, en nia propra Esperantista rondo familia, ni lernis konatiĝi kun tiuj malfeliĉaj popoloj, kiuj ne ĝuas liberan vivadon kaj revis pri malproksima tago de nacia liberiĝo metante sian esperon en la sama stelo, kiu simbolas por ni la tempon de homa refratiĝo. Kun intereso, kun simpatio kaj ankaŭ eble kun iom da skeptika dubo ni sekvis ilian klopodadon por defendi la rajton de iliaj nacioj kaj memorigi la mondon pri ilia ekzisto. Ĉu kelkaj el la plej belaj tradukaĵoj aperintaj en nia lingvo ne estas efektive literaturaĵoj el tiuj lingvoj, kiujn imperia cenzuro malpermesis en oficialaj lernejoj kvazaŭ oni povus tiel elradikigi el koro de l' homoj la karan hejman parolon lernitan sur genuoj de patrino?

Hodiaŭ, karaj fratoj, ukrainaj, litovaj kaj polaj, vi preskaŭ atingis la unuan celon, la horo de liberiĝo subite jen eksonis por vi kiel hela sonorilo inter la dolora bruado de l' milito kaj la frakaso de l' ruiniĝanta imperio. Kun vi ni ĝojas pri via nacia renaskiĝo kaj ni tutkore esperas, ke vi sukcesos starigi viajn ŝtatojn en plena sendependeco je potencaj najbaroj. Se vere povas lumiĝi super viaj kapoj la tiom esperita tago de liberiĝo, al vi el malproksimo ni sendas tutkoran bondeziron kun frata saluto kaj al vi, kiuj restas ankoraŭ premataj ni sendas esperan senton. Sed la duan, nian komunan celon ni devas nun ĉiuj atingi. Post nacia liberiĝo devos iam veni internacia refratiĝo. Kiel ankoraŭ malproksima ŝajnas tiu tempo! Eĉ inter apenaŭ starigitaj novaj ŝtatoj jam komenciĝas akraj disputoj pri landlimoj kaj teritorio. Imperialismo, avideco kaj maltoleremo jam venenas la sunleviĝon en ĉielo de junaj popoloj.

Al tiaj tendencoj la Esperantistoj devas energie kontraŭbatali. Ni ŝtru la verdan stelon de nia brusto se ni konsentas akcepti patriotismon bazitan sur malamo! Pli ol unu fervora samideano subite fariĝis influa viro kaj politikisto en nova ŝtato de orienta Eŭropo. Ilia Esperantismo kaj la memoro de nia majstro trudas al tiaj homoj gravan respondecon kaj tre klaran devon. Ĉiuj ni fidas, ke ili donos tutan sian forton por praktike realigi la principojn de Zamenhof en la konstruado de siaj ŝtatoj.

Neniam, kaj speciale ne en orienta Eŭropo, povos landlimoj precipe apartigi la gentojn laŭ lingvo kaj religio. Ĉiam restos polaj kaj hebreaj urboj meze de ukrainaj aŭ litovaj kamparoj. Malsaman lingvon kaj diversan religion havos eterne vilaĝanoj kaj urbanoj de vastaj regionoj. Kiel starigi pacan kunvivadon inter ĉiuj, se ne per plena toleremo kaj per reciproka respekto de ĉiuj gentaj rajtoj. Kiam kaj kie pli profete taŭgas la tuta homa instruado de Zamenhof?

En Svisujo neŭtrala kaj sen teritoria ambicio ni starigis Orientan Komisionon por interkonatiĝo kaj studado de komunaj demandoj inter Poloj, Ukrainoj, Litovoj, Letoj, k. t. p. Ni tutkore dezirus, ke en tiuj landoj disvastiĝu pli kaj pli la ideoj de Esperantismo, t. e. la tendencoj al internacia kunfederiĝo kaj al neŭtraleco. Kompreneble nenio pli helpos tian rezultaton ol propagando de nia lingvo mem. Tial duoble fervore ĉiuj Esperantistoj en orienta Eŭropo laboru por enkonduki Esperanton en la ŝtataj lernejoj. Neniam antaŭe estis la ŝancoj tiel vastaj kaj la eblaj rezultatoj tiel gravaj por tuta homaro.

*Edmond Privat.*

---

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Unua Skandinava Kongreso

La unua Skandinava Kongreso de Esp., okazinta en Gotenburgo la 6—10 aŭgusto, estis bona, bela kaj sendube ankaŭ efika.

La kongresejo estis en la Filozofia Fakultato, lokita en unu el la plej belaj parkoj de la urbo, kun ĉiuflankaj komfortaĵoj.

En la prepara kunveno, prezidata de F-ino Noll, oni elektis prez. de la kongreso redaktoron Paul Nylén, el Stockholm; vicprez. F-inon Marg. Noll, el Kopenhago, kaj inĝenieron O. Brochmann-Sletteröd, el Kristianio; sekr. sveda S-ro Adolf Larson, dana F-ino Asta Mikkelsen kaj norvega F-ino Aagst Johansen.

Ĉe la Diservo en la preĝejo de Annedal, elokvente predikis en Esp. pastro Augusto Bruhn pri la temo „Kiom longtempe ni havos militon sur la tero?" kiu inter aliaj rimedoj por krei pacon substrekis la gravecon de la internacia helplingvo kaj la signifon de Zamenhof kaj lia verko.

La solena malfermo de la kongreso okazis je la 2a h. en la festhalo de la Universitato. Sufiĉe granda nombro da homoj ĉeestis. La sekretario de la aranĝa komitato, direktoro Backman, el Helsingborg, en la nomo de tiu komitato salutis la kongreson, anoncis la elekton de la kongresa estraro kaj transdonis la parolon al S-ro Nylén, kiu dankis kaj petis de la kongresanoj bonvolon kaj malseveron. D-ro Emil Rodhe, docento, antaŭlegis interesan, belforman, vigle aplaŭditan paroladon, en sveda lingvo, pri „la batalo por ekzisto de la lingvoj", kie, prezentinte respektplenan komplimenton al la pioniroj de nia movado, li eldiris, ke en la nunaj cirkonstancoj la artaj lingvoj havas ne sole rajton, sed ankaŭ devon klopodi por sukcesi, limigante sin por helpi la interkomunikadon de pensoj inter la popoloj en la kampoj komerca, teknika kaj laŭeble scienca, kaj ke ni neniam forgesu surpresi sur ĉian nian laboron en la servo de la praktika utilo la stampon de idealeco. Post tio la prezidanto klarigis la devenon kaj celon de la kongreso kaj fine eldiris la bedaŭron, ke ni ne havis la okazon ĝis nun pilgrimi al la tombo de la unua Esperantisto, kiun ni funebras kiel infanoj sian patron entombigitan for de ili en fremda tero, kaj kies memoro kaj la amo al liaj verkoj vivu en niaj dankemaj koroj. En sveda parolado li informis la honorindajn gastojn pri la nuna stato de nia movado. Kiel reprezentantoj de la tri skandinavaj landoj oratoris F-ino Noll por Danujo, S-ro Brochmann-Sletteröd por Norvegujo kaj redaktoro

Carl Ohlsson el Göteborg por Svedujo. Post lego de multaj telegramoj la malferman kunsidon finis komuna kanto de la himno.

Vespere okazis festa manĝo, kie regis la plej agrabla kaj viva humoro. La Esp. elokventeco festis triumfojn. Estis parolite pri la unueco kaj konkordo inter la nordlandaj Esp-istoj; pri la sento de forto, kiu nun traflugas la Esperantistaron pro la konscio, ke la mondo bezonas nian paceman agadon, pri Esp. kiel potenca rimedo por efektivigo de la ordono de Jesuo: amu vian proksimulon kiel vin mem, k. t. p. La blinduloj, tiuj fidelaj, laboremaj kaj spertaj Esp-istoj, ankaŭ ne estis forgesitaj.

Dum la sekvintaj laboraj kunsidoj, kiujn prezidis alterne S-roj Nylén kaj 'Brochmann-Sletteröd, la kongreso pritraktis dek-kvar proponojn, antaŭe preparitajn de la prezida komitato, kaj faris la jenajn decidojn:

1e Starigon de Skandinava konsilantaro de la tri landaj ligoj, konsistanta el du personoj el ĉiu, por preparo de demandoj specialaj aŭ urĝaj laŭ decido de la ligoj;

2e havigi monon al la blindula gazeto „Esperanta ligilo“, interesante monhavajn homojn por donaci;

3e rekomendi apogon al la ideo, ke la ligoj okupu sin pri la demando starigi senpartian institucion informan por bonfaremaj donaculoj;

4e rekomendi la eldonon de specialaj propagandiloj por interŝanĝo en internaciaj neesperantaj kongresoj;

5e rekomendi starigon de instituto por instruado per korespondo;

6e rekomendi bonvolan, praktikan uzadon de la spesmila sistemo;

7e aprobi proponon kolekti eldirojn de aŭtoritatuloj de komerco, tekniko, scienco, k. t. p. por redaktado de propagandiloj;

8e elsendi alvokon al la telegramoficejoj pri anstataŭo de la diversaj naciaj lingvoj per Esperanto en internaciaj rilatoj;

9e esprimi fidelecon al la Zamenhofa lingvo (la propono estis, sen diskuto, aplaŭde akceptita);

10e rekomendi, ke la dua skandinava kongreso okazos en Kristiania 1920 en kunligo kun projektita instruista kongreso, tamen kun rajto de la prezidantoj de la tri ligoj interkonsenti definitive pri tempo kaj loko;

11e inviti ĉiujn Esp-istojn partopreni en komuna monkolektado, tamen nur de ĉiu persono po dek spesdekoj, por starigo de monumento sur la tombo de D-ro Zamenhof, efektivigota en kunligo kun la unua pilgrimado al Varsovio post la milito;

12e sendi leteron al Sinjorino Zamenhof.

En kunligo kun la du lastaj decidoj la prezidanto volis, ne formale proponi sed nur veki la penson pri la dezirindeco, ke la Esperantistaro kreu monfondon por pensio al la vidvino de Zamenhof.

Dum la kongreso estis fondita, en speciala kunveno, Esp. Unuiĝo por svedaj instruistoj.

UEA ankaŭ havis apartan kunsidon.

La 7an vespere okazis belega, sukcesa koncerto, kie ĉeestis ĉ. 400 personoj. Ĉirkaŭe 40 telegramoj kaj leteroj alvenis al la kongreso. Lia reĝa moŝto la Duko de Vestergötland estis salutita kaj afable respondis.

La ekskurso al Trollhättan, la publika propaganda kunveno subaera en parko Slottsskogen, la ekspozicio entute bone sukcesis. La gazetaro ne sole de la kongresurbo, sed ankaŭ de Stokholmo kaj la aliaj skandinavaj ĉefurboj, Kopenhago kaj Kristianio, kiel ankaŭ multaj provincaj gazetoj ĉiutage enpresis sufiĉe detalajn raportojn pri la kongreso kaj ĝiaj faroj, kelkaj eĉ kun ilustraĵoj.

La ferma kunsido de la kongreso okazis je la 4a h. en la sabato 10 aŭgusto kun kanto de la Himno kaj la deziro: Vivu Esperanto! Por la dua skandinava jam enskribiĝis kvardeko da nomoj. — Laŭ *„La Espero“*.

## Jarkunveno de Sveda Esperanto-Federacio

Sveda Esperanto-Federacio faris sian jarkunvenon la 6—8 aŭgusto en la universitato de Göteborg. Ĉeestis reprezentantoj de grupoj el Stockholm, Göteborg, Gävle, Falun, Eskilstuna, Hjo, Helsingborg, Beng-Asfors, Boras, Malmö, Kristianstad, Skara, k. t. p. kaj multaj privataj anoj. Prezidis S-ro Paul Nylén. Sekretarioj estis S-roj Adolf Larson kaj prof. Nils Nordlund. La proponita tagordo kaj la protokolo de la pasinta jarkunveno estas aprobitaj. La prezidanto donis informon pri la punkto de la tagordo: „Resumo de la historio de la Esp. movado en Svedujo“ ne ankoraŭ elfinita. Post detala diskuto, oni decidis fondi eldonan societon de S. E. F., akceptis regularon kaj elektis provizoran estraron: S-roj Fredrik Skog, Adolf Larson kaj Hennig Halldor, el Stockholm.

La garantia fondo de „La Espero“ estos transdonata al la eldona societo per elŝanĝo de la kooperaj partaĵoj. Kontraŭ tiaj S. E. F. ankaŭ transvendos sian provizon da libroj. Multaj partaĵoj estis subskribitaj jam dum la kunveno — almenaŭ 1½ milo da kronoj.

La revizia raporto estis aprobata, kaj la kunveno konsentis unuanime al la estraro kvitigon de respondeco. En- kaj elspezoj bilancis je kronoj 4586, kun sufiĉe bona saldo al la venonta financa jaro.

S. E. F. decidis aliĝi al la Interkonsento de la naciaj societoj kun UEA.

La jarkunveno decidis komisii al la prezida komitato sendi raportojn pri la Esperantismo al ŝtataj kaj privataj administrejoj de edukado petante, ke ili atentu pri ĝi. Kun malgrandaj ŝanĝoj la propono de nova regularo por S. E. F. estis akceptita. Oni esprimis la deziron, ke la venonta jarkunveno okazu dum Pentekosto en Stockholm. Al S-ro Backman S. E. F. decidis kun danko pagi 100 kr. por iom rekompenci liajn elspezojn por la „Skandinava“ kaj unuanime elektis sian ĝisnunan prezidanton, S-ron John Lundgreen, el Hedemora, kiel honoran membron.

Estraro estis elektita: Prez. S-ro Paul Nylén; vicprez. S-ro W. Wahlund; sekr. S-ro Fredrik Skog; kas. S-ro Adolf Larson, bibl. S-ro Rudolf Pehrsson; anstataŭantoj S-roj John Johansson kaj A. K. Örn; reviziantoj S-ro H. Halldor kaj F-ino Hanna Hemberg; anst. S-ro C. Holmstedt.

## Dek-tria Skota Kongreso

La kongreso de la Skotaj Esperantistoj okazinta en Cowdenbeath la 22 junio havis ĉiurilate kontentigan sukceson. Malgraŭ la alta kosto de fervoja veturo, samideanoj venis el tre diversaj partoj de la lando. Dank' al la fruktodona semado de la loka grupo, ĉeestis reprezentantoj de la urba konsilantaro, de la eduka komitato kaj de la koopera societo.

Ĉe la konsilantara kunveno oni ŝanĝis la regulojn por akordigi ilin kun la novaj reguloj, rilate Federaciojn, de B. E. A., kaj elektis prez. D-ron J. B. Primmer, el Cowdenbeath; vicprez. S-inon de Montoro, el Glasgow, F-inon Beveridge, el Edinburgh, S-ron Harvey, el Edinburgh, kaj S-ron Slidders, el Dundee; sekr.-kas. S-ron C. White, el Glasgow.

La kongreskunveno komenciĝis per tepreno. Ĉeestis ĉ. 60 personoj. S-ro Wm. Harvey prezidis kaj bonvenigis la kongresanojn. Post la kutimaj grupaj salutoj, S-ro J. M. Warden donis la saluton de la Brita Asocio kaj esprimis la plezuron ĉeesti tiun kuraĝigan kongreson.

La publika kunveno okazis la vesperon en la Koopera halo, kie la prez., S-ro Harvey, montris, ke nun pli ol iam ni bezonas Esp. S-ro Warden klarigis pri la lingvaj malfacilaĵoj ĉe internacia veturado kaj kiamaniere Esp. simpligas ĉion. S-ro Page parolis pri la eduka flanko, konsilante, ke edukaj aŭtoritatuloj sekvu la ekzemplon de Patricroft. S-ro White pruvis, ke Esp. estas bona komerca lingvo. Bonan finon al la kunveno faris pastro Beveridge, dirante, ke la Esp. traduko de la Malnova Testamento estas la por li plej bona klarigilo pri la signifo de la ĉi-tie uzataj hebreaj esprimoj. S-ro Page predikis dimanĉe kaj alparolis la laborpartion.

Dek-tri estis bonŝanca numero por la skotoj!

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* La Hungarlanda Esp. Societo arangis grandan festvesperon je honoro de el militkaptiteco reveníntaj malnovaj membroj D-ro L. Lóránd kaj D-ro R. Schatz. La festparoladon faris prelato D-ro Giesswein. Eĉ provincanoj ĉeestis. La jurnaloj raportis favore. La literatura vespero de S-ro Paŭlo Balkányi bone sukcesis. La prezentado de S-ro Victor Bányay pri sia vivo kaj forkuro el Siberia militkaptiteco kaj la uzo de Esp. tie kunvenigis 500 personojn. La jurnaloj raportis pri ĝi. De post aprilo dank' al laborado de P. Balkányi ĉiusemajne estis Esp. artikolo en la Budapeŝtaj jurnaloj. Tri komercaj gazetoj enhavis longajn alvokartikolojn, ke la komercistoj uzu la temp- kaj monŝparigan Esp. La hungaraj komercistoj kaj industriistoj petas siajn fremdlingvajn samprofesiulojn, nepre nur en Esp. skribi al la hungaraj firmaoj. — *Krakow:* Societo Esperanto sendis petskribon al Varsovio, petante la Ministerion de Instruado enkonduki Esp. en la lernejojn de Polujo. La ĵurnalo „Nowy Dziennik" publikigas kronikon pri la progresoj de nia lingvo en la mondo. — *Pola:* Sur la ŝipo „S. M. S. Zrinyi" S-ro F. Krejĉi gvidas kurson por maristoj. — *Praha:* Dum kunveno de delegitoj de ambaŭ bohemaj centraj Esp. organizaĵoj (Asocio kaj Unio) S-roj Josef Eiselt, Rud. Hromada, D-ro Stan. Kamaryt, Karel Prohâzka, D-ro V. Rosicky kaj M. Schmidt, estis interkonsentite de ambaŭ partioj pri la bezono kaj ebleco de komuna laboro kaj unu sola centra organizaĵo. La nomitoj konstituiĝis kiel konstanta komitato. La „Fraŭlina Rondeto" aranĝis vesperon pri bohema-Esp. literaturo. F-ino Šupichová paroladis. La ilustrita gazeto por infanoj „Malý Čtenář" jam ses jarojn havas Esp. rubrikon, redaktatan de F-ino Šupichová; multaj infanoj kaj lernantoj uzas ĝin. — *Sucha:* Estas aranĝita publika kunveno pri „socia, politika kaj kultura signifo de Esp.", prezidata de S-ro K. Spannbauer. La salono estis plena, grandparte de la loka inteligentularo. La parolinto, S-ro prof. L. Kronenberg, pruvis, ke venis la tempo por enkondukigi Esp. en polajn lernejojn. — *Wien:* Pro vizito de D-ro St. Schulhof, la Esp. Unuiĝo kunvenigis 50 Esp-istojn. Preskaŭ ĉiuj Esp. Societoj sendis reprezentantojn. Paroladis S-roj Hartwich, D-ro Sós, Kol. Zwach kaj D-ro Schulhof. La varbparolado de S-ro L. A. Illing en la Sankt-Josefs-Knabenheim havis bonegan sukceson: 32 knaboj (10—15 jaraj) kaj 4 monaĥinoj-instruistinoj lernas nun Esp. La ampleksa gazeto „Christliche Familie" aperigis tutan paĝon pri Esp., de S-ro Illing. Ĝi estas daŭrigota.

## Belgujo.

*Bruxelles:* La Esp-istoj kunvenas de tempo al tempo, malgraŭ la malfacilaj vivkondiĉoj. La kurso, oficiale monhelpita de la komunumo St-Gilles kaj gvidita de F-ino Jennen, kaj la ekzamenoj bone sukcesis. Nova komenciĝos.

## Britujo.

*Bath:* Estis aranĝita propaganda kunveno kaj disdono de multaj propagandiloj. Okazis Diservo en Esp. kun Esp. himnoj. S-ro Blackett legis ĉapitron el la N. T. kaj S-ro Carr predikis pri la „Spirito de Esperanto". — *Birmingham:* Post alparolo de S-ro Grimmitt pri „La Internaciismo kaj rimedo por tiu celo" stariĝis grupo. — *Bolton:* Okazis interesa kampfesteno. Antaŭ la loka Teozofia Societo, S-ro Birtwistle faris propagandan paroladon. Li montris la neceson de Esp. por ĉiu societo kun internaciaj idealoj. La loka grupo aranĝis vendadon de Esp. libroj. — *Bourneville:* La Eduka Komitato stariĝis du kursojn, kie S-ro V. Grimmit instruas. — *Bradford:* Bona akcepto al delegitaro pri Esp. de la Eduka Komitato. — *Brighton:* Tute sukcesplena kaj ĝuinda vesperkunveno kaj koncerteto okazis. — *Bristol:* Grandsukcesa kunveno kaj ekskurso. Multaj ĉeestintoj kaj kreskanta intereso pri Esp. — *Chorley* (Lancs.): Diservo en Esp. Ĉeestis 30 personoj. S-ro Jackson predikis. — *Coventry:* Okazis konferenco kaj temanĝo, sekvata de amika kunveno. — *Croydon:* Ĉiujara vagekskurso okazis. — *Edinburgh:* Regula ĉiumerkreda renkontiĝo, multe da aktiveco; grandaj klopodoj estas farataj por certigi la enkondukon de Esp. en la vesperajn lernejojn dum la proksima vintro. En la komercaj lernejoj ĉirkaŭ 40 kursoj, kiuj reprezentas pli ol 1100 gejunuloj, estas alparolitaj pri Esp. S-ro Page alparolis la „Rotary Club" pri komuna komerca lingvo. Pli ol 80 ĉeestintoj. La prez. de la klubo varme rekomendis la studadon de Esp. — *Edmonton:* Propaganda kunveno en la Central Hall okaze de la vizito de S-ro Harrison Hill. Post parolado de S-ro Faraker estas aranĝita nova kurso. — *Folkestone:* Nova Esp. grupo fondiĝis kun 25 membroj. — *Glasgow:* Okazis koncerto kaj festeno kun ĉ. 200 ĉeestintoj. S-ro White paroladis. S-ro H. Hill ankaŭ aŭdiĝis sin. Oni poste prezentis la unuaktan komedieton „Sinjoro Herkules". Favora raporto de lokaj gazetoj. — *Liverpool:* En la ĉiujara kunveno oni elektis la jenan estraron: Prez. S-ro R. Primavesi; vicprez. F-ino Swan, S-roj Baxendall, Griffiths kaj Shaw; sekr. S-ro J. Baxter; kas. F-ino Hunter; bibl. F-ino Moss. Kurso kun dekduo da kunlaborantoj ĉe la firmo Napleton's Nut Food Co., kiu akceptas korespondadon en Esp. Okazas kurso de 30 personoj, el kiuj 10 instruistoj. — *London:* La Buckhurst Hill grupo multe kuraĝiĝas pro la sukceso de sia Epping Forest ekskurso. Okazis du tre ŝatitaj koncertoj. Ĉe la unua S-ro C. White faris trafan paroladon, post kiu estis prezentita la teatraĵo „La Juveloj de la Baronino" de S-ro Browne. Ĉe la dua parolis S-ro Warden. Ĉeestis amikoj el Francujo, Belgujo, Italujo, Holando kaj Hispanujo. Nova eksperimento, temanĝo post la Diservo, de dekduo da samideanoj bone sukcesis. La Londona Federacio aranĝis konferencon kaj koncerteton. S-ro Geo H. Parker refaris la paroladon pri „Esperanto and International Labour", post kio, sub lia gvidado, komenciĝis kurso kun 22 lernantoj. — *Lymm:* Tie ĉi la Lancashire kaj Cheshire Federacio festis sian 41an konferencon per kampfesto. Plie, la Yorkshire, Lancashire kaj Cheshire Federacioj festis tre sukcese sian duan Inter-Federacian Konferencon ĉe Hardcastle Craggs, kie ĉeestis 86 Esp-istoj el la tri provincoj en la Federacio. — *Manchester:* Kurso inter instruistinoj en urba lernejo, kiuj nun aranĝas duagradan kurson kaj propagandas pluan unuagradan. — *Oxford:* Post kunveno, fondiĝis grupo kun S-ro Sapoté, prez. kaj S-ro Scott, sekr. — *Portsmouth:* Stariĝis nova grupeto, kie S-ro Dante-Hooper instruas kelkajn kunulojn kaj geknabojn ĉe la lernejo. — *Rochdale:* Okazas kurso de 80 lernantoj, inter kiuj multaj instruistoj. — *Tunbridge Wells:* Du kursoj por lernantoj sub la instruo de Prof. Gaydon kaj F-ino Masters.

## Bulgarujo.

*Karlovo:* Junaj fortoj, precipe lernantoj, vigle laboras en tiu Balkana urbeto. — *Lidjene:* Kurso estas gvidata de S-ro N. Ognjanoff, kun 10 lernantoj, inter kiuj 3 instruistinoj. — *Sofia:* Estas fondata Esp. presejo, kies literaron oni nun prilaboras en la ŝtata presejo. Ĝojiga fakto, kiu certe forte antaŭenpuŝos nian movadon en Bulgarujo.

## Danujo.

La jara ĝenerala kunveno de „Centra Dana Esp. Ligo" okazis en *Kopenhago* sub la direkto de S-ro Lindow. La prez., F-ino Noll, prezentis raporton pri la laboro farita de „Centra". La kalkulraportoj de la kas., S-ro Israelsen, estas aprobitaj. Por la jarkunveno 1919 oni elektis la urbon Kolding. La nova reprezentantaro de C. D. E. L. nun konsistas el F-ino Noll, prez.; S-ro Wulffs, vicprez.; F-ino Jorgensen, F-ino Rybo, S-ro Hinrichsen, S-ro Israelsen, S-ro Heilskov, redaktoro de „Esperanto-Raporto", S-ro D-ro Mejndor kaj S-ro Christensen, prez. de „Unueco", Odense. La supleantoj estas S-ro Foft kaj S-ro Blicher, kaj la revizoroj S-ro Dedenroth-Berg kaj S-ro Baruel.

## Finnlando.

*Helsingfors:* La movado dormanta de post tri jaroj tie vekiĝis. Oni aperigis rimarkindajn artikolojn en multaj gravaj naciaj gazetoj kaj ĵurnaloj, ŝuldatajn precipe al la fervora agemo de S-roj Vilho Setälä kaj Leo Jalava. Kelkaj eksterlandaj samideanoj, plejparte el Rusujo kaj el Baltaj landoj, faris viziton, ankaŭ germana soldato. — *Tempere:* La sola idista grupo en Finnlando oficiale ĉesigis sian agadon kaj transdonis siajn havaĵojn al la tiea Societo Esp.

## Francujo.

*Constantine* (Alĝerio): La grupo reviviĝis. Jen la nova estraro: Prez. Gaechner; vicprez. Peyre; sekr. Martin; kas. Coynet. S-ro Bézingé gvidas kurson. — *La Roche-sur-Yon:* S-ro L. Giraud, Del., faras kurson al kelkaj lernantoj de stenografia kurso. La grupo daŭrigas peradi informojn pri militkaptitoj. — *Paris:* La Esp-istoj pilgrimvizitis la tombon de Carlo Bourlet. Oni monkolektis por donaco al Esp. militkaptitoj. La Esp-istoj daŭre kunvenas, kaj ofte ĉeestas fremdlandaj samideanoj. En la gazeto „L'Univers Israëlite" aperis artikolo pri nia Majstro. — *Philippeville* (Alĝerio). Nova grupo fondiĝis kun la jena estraro: Prez. Prof. Lentin; vicprez. pastro Sahy, S-ino Prud'homme; sekr. F-ino Lengellé; kas. Dufau. Jam 45 anoj enskribiĝis.

## Germanujo.

*Breslau:* Fondiĝis Unuiĝo de la Breslaŭaj Esp. Societoj, al kiu aliĝis la Laborista Grupo, la Katolika Esp. Societo Unueco, la loka grupo Breslau, la blindula grupo „Interna Lumo". Sekretario estas S-ro J. A. Mielert, Werdestr. 35.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La grupo „Barcelona Stelo" faris ekskurson por faciligi la kunvenon de ĉiuj grupanoj. En la ĝenerala kunsido estis elektita la jena komitato: Prez. S-ro M. Sorolla; vicprez. S-ro E. Rey; sekr. S-ro J. Delclós; vicsekr. S-ro E. Alba; kas. S-ro R. Pérez; bibl. S-ro E. Vaqué. La nuna estraro de la grupo „Nova Sento" konsistas el S-roj prez. J. Canales; vicprez. J. Compte; sekr. M. Gil; vicsekr. P. Fuster; kas. S. Vives. Baldaŭ malfermiĝos novaj kursoj. Dum Esp. festo de ĝi aranĝita, oni malkovris belan desegnaĵon de nia kara Majstro, faritan de S-ro Canales, kiu paroladis pri Zamenhof, lia vivo kaj lia glora kreaĵo. Multnombra kaj entuziasma ĉeestintaro. — *Cordoba:* La grava societo „Union de Dependientes del Comercio de Córdoba y su provincia" decidis prezenti al la IXa Kongreso Nacia de Komercaj Komizoj, okazonta en Madrid, proponon por la enkonduko de Esp. kiel komerca interrilatilo. — *Madrid:* S-ro Julio Mangada, prez. de Centra Madrida Grupo, malfermis someran kurson, kiun ĉeestas sufiĉaj lernantoj ĉe la „Fomento de las Artes". — *Terrassa:* Okazis bela festeto. Por la „Infanaj Floraj Ludoj" la Esp. temo estis „La infanoj kaj Esp.".

## Nederlando.

Okazis en *Utrecht* festkunveno de la Esp. Asocio „La Estonto estas nia". Krom la kontentiga nombro de vizitintoj kaj delegitoj, ĉeestis aro da internigitaj Belgoj. La prez. D-ro Baart interalie atentigis je la intenco de S-ro L. J. Bruyn eldoni propagandan gazeton aperontan ĉiusemajne. Grava propono de la grupo „Fine ĝi Venkos" estis plenvoĉe aprobata, nome: „La Nederlanda Esp. Societo, L. E. E. N., iniciatu konstantan nacian monkolekton por fondi post la milito ian fondaĵon je la honoro de D-ro Zamenhof." La grupo donas 40 fl. kiel unuan instigan donacon. Komitato por tiu ĉi celo estos starigata. Oni decidis, ke S-ro Coemans reprezentos la L. E. E. N. en la 1a Skandinava Esp. Kongreso. Gaja festeto finis la Esperanto-tagon. — *Doesburg:* Prosperis al S-ro Degenkamp fondi kurson en la katolika militista hejmo. — *Wormerveer:* La sekretario de la grupo faris kurson ĉe la abstinula societo. Artikoloj aperas en „de Zaanlander". — *Zwolle:* S-roj Menalda kaj Janssen gvidis kursojn. Ekspozicio estas aranĝita kun bona sukceso. — *Zutfen:* S-ro G. J. Degenkamp paroladis pri Esp. por soldatoj, en la Ruĝkruca unuiĝo. Sekvis kurso kun 10 personoj, gvidata de S-ro de Lang, kunhelpata de pastro W. Boelens.

## Polujo.

*Varsovio:* Instigite de Krakova Esp. Societo niaj Varsoviaj samideanoj klopodas por enkonduko de Esp. en la lernejojn kaj en la interŝtatan diplomatian servon.

## Rusujo.

*Astraĥanj:* En loka reala lernejo fondiĝis grupo „Unuiĝo de gelernantoj Esp.", kies prez., F. Kurjanskij, estas ankaŭ redaktoro de la loka Esp. organo „Nia Vivo". — *Baklanovka:* Pastro A. Ŝirjaev organizis rondeton de Esp. pastroj kaj eldonas manskriban revuon „Rondiranto". — *Kazanj:* Dank' al penado de S-ro Arsenij Medem, malfermiĝis Societo. — *Moskvo:* Fondiĝis „Ligo de Junaj Esperantistoj", kiu intencas eldoni almanakon „Mem por si" kun verkoj kaj tradukoj de la membroj. La kursoj kaj la biblioteko ĉe la Esp. Instituto daŭrigas funkcii. Organiziĝis konstanta Esp. fako en la granda junula gazeto „Juny Grajdanin", havanta abonantojn en tre multaj urboj de Rusujo. La redakcio decidis doni al la abonantoj kiel senpagan aldonon lernolibron de Esp. adresoj de fremdaj korespondemaj junuloj senpage enpresataj. Diverslandaj kunlaborantoj per Esp. serĉataj. — *Petrogrado:* La du societoj kuniĝis en unu „Espero", prezidata de S-ro P. Medem. Ĉe la Societo laboras konstanta komisiono por Esp. eldonado en Braille-literoj, gvidata de D-ro Nemzer. Formiĝis „Sovjet" por Esp. aferoj, prezidata de A. Nedoŝivin, N. Evstifeev kaj V. Ŝmurlo. Ĝi projektas starigi kursojn de Esp. por instruistoj. — *Taŝkent:* Loka gazeto „Turkestanskaja Iskra" enpresigis nekrologon pri E. Boirac. Por propaganda celo oni sendu Esp. periodaĵojn al Turkestana Publika Biblioteko.

## Siberio.

Nia entuziasma samideano, pastro In. Seriŝev, kreis kaj gvidas en la tuta lando „Kultur-Instruan Movadon" de Altajaj Kooperativoj. Ĝi dissendis dum 6 monatoj 905 milojn da diverstemaj folioj al 1200 kooperaj societoj kaj sendas ĉiuloke lektorojn starigi kulturajn punktojn kaj lernejojn, kiuj laŭgrade enkondukos Esp. En multaj gazetoj oni aperigas senĉese artikolojn pri Esp. La K.-I. Movado mendis pere de Esp. en Anglujo kaj Ameriko 300 kinematografojn kaj 500 filmojn kaj celas purigi kaj nobligi la kinematografon konsiderante ĝin morala kaj eduka forto. — *Barnaul:* La tieaj Esperantistoj organiziĝis en Esp. Societo, al kiu aliĝis preskaŭ la tuta junularo de la tiea kooperativo. Ĝi faras enketon inter la loĝantaro pri Esp. S-ino Kungurova kaj S-ro Tokarev gvidas kursojn kun 125 lernantoj. En la mezgrada lernejo estis Esp. grupo de 60 knaboj, kiuj pro manko de instruistoj mem lernis Esp. La movado pli kaj pli revigliĝas. — *Berezowka:* Multaj militkaptitoj en tiu ĉi tendaro lernis nian lingvon; ekzistas sufiĉe granda biblioteko kaj gazeto titolita „La semanto".

## Usono.

La jara kongreso de la Nord-Amerika Esp. Asocio okazis la 18—21 julio en Green Acre, Eliot (Maine). Ni post ricevo de informoj pli detale raportos pri ĝi. — *New York:* Laŭ sia jara raporto la Esp. Societo montriĝis tre agema. Ĝi ricevis 500 leterojn kaj forsendis 2500. La membraro atingas 400. Anoncoj kaj artikoloj estis presitaj en kelkaj disvastigitaj gazetoj. Oni eldonis propagandilojn kaj dissendis ilin grandnombre. Karavano al la kongresloko Green Acre estis aranĝita.

## Argentino.

*Banfield-Talleres:* Post parolado de S-ro V. Franzia, oni malfermis kurson. Alia kurso estas komencita de S-ro Catalá, post parolado de S-ro Prat. — *Buenos-Aires:* Argentina Esp. Asocio aranĝis rememoran kunvenon pri D-ro Zamenhof en salono de la jurnalo „La Pensa". Paroladis S-roj Prat, Palleja, Albamonte. S-ro

B. Morera legis belan poeziajon. S-ro Barrot gvidas kurson ĉe la „Liga Racionalista“, 25 lernantoj. Alia kurso malfermiĝis ĉe la societo „El Desperar“.

**Brazilujo.**

*Rio de Janeiro:* Laŭ la dekreto N-ro 1165, la strato Mario José estas nomata Zamenhof. La jurnaloj aplaŭdis la agon de la ĉefurbestro D-ro Amaro Cavalcanti kaj diris, ke ĝi estas justa respektigaĵo al la genia kreinto de Esp., kaj granda apostolo de la paco universala.

**Aŭstralio.**

*Melbourne:* La Esp. Societo kaj la komerca klubo festis la aperon de la unua Esp. libro en Aŭstralio. Interesiĝo ankaŭ ĉe la profesoroj de la universitato. S-ro Pyke preparas prezenton de unu el siaj dramoj por propagandi nian aferon „Jun Belan Tagon“.

# DIVERSAĴOJ

.·. **Esperanto kaj komerco.** — *Britujo:* La Londona Komerca Ĉambro presigis 1000 ekz. de la broŝuro „A Common Commercial Language“ por disdonado al siaj membroj. La Komitato pri Komerca Komuna lingvo presigis samtempe pluajn 9000 ekz. de tiu propagandilo de nia fervora samideano S-ro S. R. Marshall. Krom tio la Londona Komerca Ĉambro nun dissendas ekzempleron al ĉiu Komerca Ĉambro en Britujo, dum la prez. de la Komitato, S-ro Marshall, zorgas pri dissendo al alilandaj ĉambroj. Multaj paroladoj en diversaj urboj estas de li aranĝitaj, nome en Liverpool, Edinburgh, Belfast, Llanelly. Aliaj okazos en Southampton, Portsmouth, Birmingham, Aberdeen.

— *Germanujo:* En München fondiĝis „Internacia Societo por komerco kaj trafiko“ (leĝe registrita). La societo celas „per vorto kaj skribo montri la bezonon kaj grandan signifon de Esp. kaj pere de fremdaj Esp-istoj rekomendi germanajn komercaĵojn en fremdlando“. La fondinto estas S-ro Jakob Hechtl (Franziskanerstr. 19, II., München), al kiu oni sin turnu por ĉiuj informoj.

— *Hungario:* En Budapest, ĉe la Xa Orienta foiro aranĝita de la Komerca kaj Industria Ĉambro, kiu okazis la 16—22 aŭgusto, estis ankaŭ Esp. ekspozicio. La Foiro oficiale uzis Esp. kaj disdonis foliojn pri nia lingvo al la vizitantoj. Eĉ post la foiro oni povas peti informojn (Szennere utca 6).

— *Argentino:* En Buenos Aires fondiĝis komitato celanta propagandi nian lingvon inter la komercistoj. Por propagandaj celoj la komitato deziras ricevi adresojn de firmaoj kaj ĉambroj uzantaj aŭ akceptantaj Esp., ankaŭ katalogoj kaj prezlistojn. Ĉiu sendinto ricevos respondon. (Adreso de la sekretario: V. Denhofen, 5758, Rivadavia, Buenos Aires).

— *Japanujo:* La grava komercista revuo „The Japan Salesman“ (redaktata angle) presigas pri nia lingvo serion de artikoloj, verkataj de nia samideano S-ro R. H. Dick, en kiu li speciale pritraktas la komercan uzon de Esp. Li deziras ricevi adresojn de firmaoj uzantaj Esp., speciale el la Entente-landoj. (Adreso: „The Japan Tradesman, 51, Yamashitacho, Yokohama.)

.·. **Esperanto en la lernejoj.** — La *Liverpoola* Direktoro de Edukado jus informis la Propagandan Sekcion de B. E. A., ke la Liverpoola Teknika kaj Komerca Eduka Subkomitato, en sia kunveno de 8 julio, decidis starigi eksperimentan klason en Esp. ĉe la Oulton Senior Komerca Lernejo, Clarence-Street, dum la proksima semestro.

La *Londonaj* County Council klasoj en Esp. rekomencos en septembro en Balham (instruas S-ro Blaise), Clerkenwell, Hugh Myddleton Lernejoj, kaj Hammersmith (instruas S-ro J. A. Calvert).

La *Skota* Eduka Komitato decidis malfermi oficialajn klasojn dum la venonta semestro en la sekvantaj lokoj: Edinburgh, tri klasojn; Glasgow, kvin klasojn; Govan, unu klason; Rutherglen, unu klason, ĉiuj en la vesperaj lernejoj.

.·. **Esperanto kaj festoj.** — En granda procesio, kiun oni aranĝis en la stratoj de Liverpool por kolekti monon por la Y. M. C. A., aperis ankaŭ Esp. bildo, aranĝita de S-ro J. D. Applebaum. Granda vagono ornamita per diversaj devizoj, reklamantaj Esperantismon surhavis knabinojn prezentantajn diversajn naciojn, kaj super ĉiuj Esp. en formo de Ruĝkruca flegistino simbole prezentis Esp. kiel la ligilo inter ĉiuj. Pli ol 300 miloj da preterpasantoj admiris la bildon, kaj Esp. estis sur ĉies lipoj dum pli ol tri horoj.

# TRA LA GAZETARO

.·. „*Amerika Esperantisto*“ (aprilo). Zamenhof la idealisto, longa ĉefartikolo (angle), de Joseph Silbernik, ornamita de bela bildo de nia Majstro. — La kredo de amerikano. — Programo de la jara kongreso de la Nord-Amerika Esperanto-Asocio. — La Utila Ciklono, literaturaĵo de H. W. H. — Versaĵo (angle), rakontetoj, k. t. p.

.·. „*Argentina Esperantisto*“ (majo-junio). — La 31a datreveno de Esp. — La vojo. — Al D-ro Zamenhof, hispanlingva poeziaĵo de B. Morera, dediĉita al la memoro de nia Majstro. — Enlanda movado. — Esp. en Montevideo. — Administraj informoj, k. t. p.

.·. „*British Esperantist*“ (julio). Memorartikolo pri D-ro Zamenhof (angle). — Kroniko. — Libraro kaj gazetaro. — Feliĉa trovaĵo, k. t. p. — En la aŭgusta N-ro: Al miaj samideanoj de F. F. (Usono), kie la aŭtoro diras, ke la malsameco de moroj ankaŭ estas kaŭzo de nekompreno kaj instigas nin Esperantistojn, iri pluen kaj celi al forigo de moraj, kiel de lingvaj malkomprenoj. — Kroniko. — Dek-tria Skota Kongreso. — Al Skoltestroj. — Libraro kaj gazetaro. — Nia Majstro kaj „Espero“, k. t. p.

.·. „*Bulteno de la Kataluna Esperantista Federacio*“ (majo). Grava avizo de la Komitato. — La instruado de Esp. ĉe la lernejoj, interesa artikolo, de P. J. Cameron, premiita en la „Literatura Konkurso“ en Reus. — Letero al intima amikino, de Marian Sola. — Enlanda Movado. — Problemoj kaj korespondado.

.·. „*The Esperanto-Monthly*“. En la julia N-ro: Latina kiel afera lingvo (angle), de John Merchant. — Kiel Esp. helpas la esprimadon de la penso (angle). — La Obiistoj (dulingve). — La Malsaĝulo, poeziaĵo de R. W. Service. — La Horoj de l' Oro, poez. de B. Potts. — Literatura Enketo, k. t. p. — En la aŭgusta N-ro: Laboro kaj Lingvoj, grava letero (angle) de eksministro A. Henderson. — Progresoj de Esperanto en la lernejoj (angle). — Humoraĵoj. — Ĉiu Esperantisto devus fariĝi reformisto de la ortografio de la angla lingvo, de L. H. Leadley. — Kio estas gramatiko (angle). — Versajoj. — Laplando (dulingve), k. t. p.

.·. „*Esperanta Finnlando*“ (aŭgusto). Tiu ĉi N-ro estas dediĉita al la junuloj kaj enhavas du finnlingvajn artikolojn: alvoko al niaj junaj samideanoj por komenci viglan propagandon inter iliaj gekonatuloj. — Enlanda kaj eksterlanda kroniko. — Esperanta kurso. Rideto, literaturaĵo de J. Linnankoski.

.·. „*Esperantista Voĉo*“ (aŭgusto). † Adam Zakrzewski, de Salo Grenkamp. — Forĝejo, poeziaĵo de Br. Kuhl. — Kiel longe?... de Alf. — Penseroj, de D-ro Zamenhof, W. Mann, H. Hodler kaj Van der Biest. — Neserioza anguleto. — Diversaj komunikoj. — Tra la libroj. — Tra la gazetaro. — Lingva fako. — La eksterlanda kroniko. — El la mondo Esperantista. — Aforismoj. — Korespondado. — Redakcia leterkesto.

.·. „*La Eklezia Revuo*“ (junio—julio). Eklezia Mondo. — Redakcia Korespondado. — La Eklezio en Nekristanaj Landoj de L. A. Long. — Sankta, sankta, sankta! versaĵoj de R. Heber. — Korespondantoj malproksimaj, de Ch. Lamb. — Al la Banduzia Fonto, versaĵo de Horace. — Al la Virgulinoj, de Herrick. — Sonĝo de soldato, de Campell. — Bibliografio. — Kroniko. — Aldonaĵo:

Tria Literatura Konkurso por la abonantoj. — La Eklezia Esperantista Ligo, 1918—1919. — Biblioteko por Blinduloj.

.·. „*La Espero*“ (julio). — Programo de la 1a Skandinava Kongreso de Esp. — Esperanto kaj Aerflugado (svede). — Demokratia latino (svede). — Revoj kaj sonĝoj, literaturaĵo de Marta Henriet-Nolotte (represo el „France-Esperanto“). — Internacia Kroniko. — Libroj kaj gazetoj, k. t. p. — La aŭgusta N-ro donas detalan raporton de la Skandinava Kongreso, kiu tute sukcesis. — Jarkunveno de S. E. F. 1918. — Internacia kroniko. — Libroj kaj gazetoj, k. t. p.

.·. „*France-Esperanto*“ (majo—julio). Mortintaj samideanoj (nova listo). — Unueco de komando, unueco de lingvo, propaganda artikolo de L. Demarcy. — Mahometanaĵoj, de Cognet. — Franca traduko de la brita raporto pri modernaj lingvoj. — Kroniko. — Gazetaro. — Bibliografio.

.·. „*Holanda Pioniro*“ (julio—aŭgusto). Mi ankaŭ, neeldonita poeziaĵo de nia karmemora samideano C. Chr. Droogendijk. — La poŝta ĉek- kaj ĝiroservo. — La eldono de semajna propaganda gazeto por Nederlando, alvoko de J. L. Bruijn. — Enlanda kroniko. — Oficiala parto, k. t. p.

.·. „*Nederlanda Katoliko*“ (julio—aŭgusto). Ni ne perdu la kuraĝon! de A. Celton. — Diversaj komunikoj. — Oficiala parto. — Enlanda kroniko. — Ave Mario, versaĵo de Ad. Smit.

.·. „*La Progreso*“, Bohema organo Esperantista (majo—junio). † Petro Novopradsky. — Tasko de la Demokracio, porpaca artikolo de Karlo Votava. — Momento en Esperantujo, felietono de D-ro St. Schulhof. — Oficialaj sciigoj. — Je memoro de M. Jan Hus, de D-ro Stan. Kamaryt. — Teknika lingvo, de Rud. Hromada, en kiu la aŭtoro pruvas, ke laŭplana laboro rilate la teknikan terminaron estas necesa. — Ĥemia teknologio de la nutraĵoj, de Rudolf Petr. — Mia malliberigo en la jaro 1915, de Ant. Janalikova. — La elsopirita feliĉo, originala literaturaĵo de Bela Bajchlova. — Ŝueto, literaturaĵo de Hana Michalovicova. — Diversaĵoj. — Anguleto por komercantoj, redaktata de J. Ŝupichova. — Bibliografio, k. t. p.

.·. „*Teknika Revuo*“ (julio—aŭgusto, N-ro 1). — Al nia legantaro, kie estas anoncata la decido eldoni la Revuon, kondiĉe ke la nombro de la abonantoj kreskos ĝis almenaŭ 500 ĝis fino de la kuranta jaro. — Vojaĝo al pinto de Monto-Blanka en 1787, scienca rakonto de H. B. de Saussure. — Al serĉo de pligranda produkto en la laboro, de J. M. Tallada. — Firmao Dr. A. Wander A.-G., Bern, de J. Schmid. — Diverslanda kroniko. — Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj kaj Organizo de la Internacia Centro. — Pri la fondo de Teknika Asocio Internacia, de D-ro R. de Saussure. — Nia plano, de Antido, kie la aŭtoro anoncas la preparon de Kodo Internacia por teknikistoj. — Redakcia angulo.

Faras agrablan impreson la pure Zamenhofa lingvo en tiu ĉi N-ro, en kiu la redakcio informas, ke la ĝis nun aperintaj tri N-roj de la T. R. devas esti konsiderataj kiel nur eksperimentaj, kaj la nuna kajero estas la unua, kiun oni povas prezenti en definitiva formo. En sia nova formo la gazeto estas tute rekomendinda.

* * *

.·. Nova gazeto: „*Petrograda Revuo*“ (N-roj 1—2, januaro—februaro), ĉiusemajna eldono kun devizo „Neniu tago sen Esperanto“. 2 paĝoj, formato: 23×36 cm. Redaktoro-Eldonanto: A. M. Nedoŝivin, 43—45, Ligovskaja, tip. „Sila“, Petrograd. Prezo: ponumere 30 kop., duobla N-ro 50 kp., abono' por 10 N-roj 3 rubloj.

La provnumero reprezentas du monatojn sur la sama folieto. Provizore ĝi estas eldonata ruslingve, flugfolie kaj kare. La redakcio diras, ke neniaj cirkonstancoj povas pravigi la senagemon de Esperantistoj, kiuj male havas nepran devon utiligi sian potencan lingvon por helpi la interpaciĝon de ĉiuj popoloj kaj klasoj.

Al la nova kolego ni deziras prosperon kaj fortiĝon!

.·. Aliaj gazetoj ricevitaj: „*Esperanto-Raporto*“, Danujo (julio kaj aŭgusto). — „*Internacia Bulteno*“, germana informilo pri la milito (junio).

# TRA LA LIBRARO

**Unuiĝo de la Internaciaj Asocioj.** Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj, Bruselo. 1912. Broŝuro. 32 paĝoj. 24×17 cm. Prezo: ne montrita.

Oni scias, ke antaŭ la milito ekzistis en Bruselo Centra Oficejo de la Internaciaj Asocioj, kiu celis organizi la kunlaboradon de la multaj tiam ekzistantaj internaciaj asocioj kaj meti al ilia dispono internacian centron. Tiu Oficejo aranĝis kongreson en 1910 kaj publikigis diversajn eldonaĵojn, i. a. tre kompletan Jarlibron de la Internacia Vivo. La milito kaj speciale la invado de Belgujo detruis tiun promesplenan organizon, sed oni povas esperi, ke ĝi estos restarigata kiam ĉesos la bruo de la armiloj.

En la supre nomita broŝuro, oni klarigas la celon de la Oficejo kaj montras kial kunlaboro de la internaciaj asocioj fariĝis necesa. Sekvas deklaroj kaj opinioj de kelkaj diversnaciaj „eminentuloj“ pri internacia organizo.

La traduko, farita de S-ro de Saussure, estas klara kaj bonstila, laŭ strikta apliko de la reguloj de derivado formulitaj de la tradukinto. Ni tamen opinias, ke li tro ofte forigas la sufikson *ec*. Anstataŭ formoj kiel „gravo“, „solidaro“ ni preferas la malnovajn formojn „graveco“, „solidareco“. Se „utilo“ signifas F. „*l'utile*“ kaj „utileco“ „*l'utilité*“ — kio estas logika — „gravo“ kaj „solidaro“ signifas respektive F. „*le grave*“, „*le solidaire*“ kaj por traduki la esprimojn F. *gravité* kaj *solidarité* oni devas diri „graveco“ kaj „solidareco“, kio estas cetere konforma al la ĝisnuna uzo kaj al la lingva instinkto. Ni ankaŭ rimarkis, ke la tradukinto ofte metas la verbon antaŭ la subjekto en demandaj propozicioj kaj eĉ en ordinaraj propozicioj kiam antaŭestas aliaj vortoj. Ekz.: „pro la influo de tiuj faktoj ... organizis la ŝtatoj opajn servarojn kaj sentis la homoj bezonon ...“, „kiel povus oni pliperfektigi ĝin?“, „kiamaniere povus ĝi servi“, „kiujn metodojn trovis oni ...“, „pro tio devas ni rekoni ...“. Okaze tiaj formoj povas taŭgi en literaturo kaj poezio, sed ili laŭ nia opinio tute ne estas sisteme uzindaj. La konstruo de la frazo en Esperanto ne obeas al rigidaj reguloj, sed tio ne estu kaŭzo por fari senutilajn inversiojn, kiuj nur malfaciligas la legadon. La tradukinto uzas ĉiam la akuzativon post la esprimo „sin apogi sur“, kie laŭ ni la nominativo sufiĉus. Ekz.: „ĝi apogas sin sur serio*n* ..., sur penetro*n* ..., sur ekonomio*n* ...“ (paĝ. 9), „apogita sur pozitiva*n* sciencon“ (paĝ. 26), „ĝi apogas sin sur la nacioj*n*“ (paĝ. 25). Ĝenerale oni trouzas en Esperanto la direktan akuzativon; oni devus ĝin uzi nur kiam tio estas tute necesa. Anstataŭ „manko *da*“ ni preferus „manko *de*“. — *H. H.*

**Internacia Parlamento. Ĉu Britujo montros la vojon?** Propono de Novzelandano. *H. E. Hyde*. Trad. *M. C. Butler*. Eldono British Esperanto-Association, London. 2 pencoj. 12 paĝoj. 18,5×12,5 cm.

Estas bone tradukita resumo el la anglaj verkoj de la aŭtoro, kiu, por finigi la militon per interkonsento anstataŭ per mortigo, proponas Parlamenton, konsistontan el reprezentantoj de ĉiu nacio, Tribunalon, kiun prezidos juĝistaro elektota de tiu parlamento, kaj Internacian armadon, sufiĉe fortan por efektivigi la decidojn de tiu tribunalo. Ĉi tiu aŭtoro, kiel multegaj aliaj, proponas al ni akcepteblajn formojn de regado, sed nur tuŝetas la centran kaj plej malfacilan problemon, nome kiel estos starigata la internacia juro. La kunigo de ĉiuj nunaj ŝtatoj ja ne donus tuton; tro diversaj estas la politikaj kaj ekonomiaj principoj, laŭ kiuj ili vivas, popoloj ĝis nun dependaj aspiras plenan liberecon, aliaj kun granda loĝantaro postulas plian teron je la kosto de fremdaj gentoj, en la ŝtatoj mem disputas la sociaj klasoj pri dispartigo de povo kaj havo, k. t. p. La formulo ĝenerale ĝusta kaj sufiĉe preciza, por ke oni povu juĝi per ĝi donitan kazon, ne estas ankoraŭ trovita. Ŝajnas al ni pli verŝajne, ke la mondo evoluos laŭ ŝtataj grupoj. Tiuj kun iom

similaj idealoj kaj aranĝoj federiĝos pli poste, kiam el tiuj diversaj superŝtatoj estos denove evoluintaj pli klaraj ideoj pri komuna rajto, kelkaj el ili kuniĝos ĝis iam restos la ŝtato de ĉiuj ŝtatoj. Sed ĝi ne stariĝos antaŭ ol la homaro konsentos pri reciproka libereco persona, religia kaj ekonomia. Tiaj idealoj facile esprimiĝas kaj ekstreme malfacile estas aplikataj.

**Pri la elektra aktiveco de nia korpo.** (Über den elektrischen Betrieb unseres Körpers), de D-ro med. *Wilhelm Winsch.* Eldonis Friedrich Ellersiek, Berlin. 50 pf. 32 paĝoj. 10 × 14 cm.

La poŝlibreto enhavas la rimarkindan artikolon, kiun, laŭ la originala manuskripto, publikigis „Esperanto“ en la lasta N-ro. La kunigo de Esperanta teksto kun nacilingva ebligas al la Esperantisto valorajn komparojn inter la du lingvoj kaj konvinkos pri la scienca taŭgeco de Esperanto.

**Beiträge zur Welthilfssprachenfrage.** Herausgegeben von der Deutschen Esperanto-Zentrale. Dresden. Eldonis Ader & Borel, Dresden. 1918. Prezo: ne montrita. 32 paĝoj. 22 × 14 cm.

Estas kolekto de artikoloj pri la helplingva problemo, nome: La lingvo de la diplomatoj; La komercoficistoj kaj Esperanto; La germana gazetaro kaj Esperanto; Ĉu Esperanto estas romana lingvo? kaj aldonata gramatiketo. La libreto efike refutas diversajn atakojn kontraŭ nia movado.

**Esperanto — Werbeschrift Nr. 1** de *Fr. Ellersiek*, eldonisto, Berlin. 8 paĝoj, 14,5 × 22 cm. Prezo: ne montrita.

Estas aparta presaĵo de la paĝoj 1–5 de la Instruaj leteroj de D-ro Möbusz, priparolitaj en lasta N-ro. Plie gramatiketo.

**Wörterverzeichnis** zum vollständigen Lehrbuch der Welthilfssprache Esperanto, zugleich Wörterbuch für die Umgangssprache, von Dr. *A. Möbusz.* Otto Nemnich, Verlag München & Leipzig. 1918. 14,5 × 21,5 cm. 80 paĝoj. Prezo: ne montrita.

Bona vortaro por lernantoj. La libroamantojn ni atentigas, ke la sama, kaj samformata vortaro estas eldonata ĉe „Kommissionsverlag de Fr. Ellersiek en Berlin. broŝurita, kiel parto de la „Instruaj leteroj“, kaj aliflanke bindita ĉe Otto Nemnich, kvazaŭ memstara. Prezoj, laŭ katalogo: 1.— Mk. kaj bind. 1.20 Mk. — *Ed. St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj.** — La membroj, kiuj ne ankoraŭ repagis la kotizaĵon, estas insiste petataj tion fari kiel eble plej baldaŭ antaŭ la komenco de la nova asocia jaro (1 novembro 1918). La kotizaĵo (2.50 Fr., svisa valoro, por ordinaraj membroj; 5 Fr. por subtenantoj) estu pagata al niaj Delegitoj aŭ senpere, per poŝtmandato, al la C. O. de UEA. Ni rememorigas, ke ĉiu repaginto ricevas, kune kun la membrokarta banderolo, broŝuron pri la agado de UEA kaj la stato de la Esperanto-movado.

**Diversaj informoj.** — Post kelka tempo niaj Delegitoj ricevos de la C. O. cirkuleron rilatan al la varbado de membroj por la nova asocia jaro 1919 kaj al novaj financaj aranĝoj pri la pago de la kotizaĵo.

La C. O. preparas demandaron sendotan al la naciaj Esp. Societoj pri la postmilita Esperantista agado. La rezultatoj de tiu enketo estos publikigataj.

Responde al diversaj demandoj, ni rememorigas, ke la Jarlibro de UEA por 1916 estas elĉerpita. Represo nun ne estas ebla.

**Garantia kapitalo.**

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 2000 |
| 17. G. H. W. Coté, Utrecht (Nederlando) . . . . . . . | 125 |
| Frankoj | 2125 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto“. Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 julio estis enkasigitaj 1530 kotizaĵoj (el kiuj 123 subtenantoj). Krom tio estas 162 dumvivaj membroj. Sume: 1692. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 44.

Je la 31 aŭgusto estis enkasigitaj 1342 kotizaĵoj (el kiuj 125 subtenantoj). Krom tio estas 163 dumvivaj membroj. Sume: 1705. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 44.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 371 | 192 |

*Tuta sumo:* 563. (Antaŭa monato: 669.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 233 | 139 |

*Tuta sumo:* 372. (Antaŭa monato: 563).

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Oka listo:*

117. D-ro Yemans (Alcatraz, Cal., Usono). — 118. H. Nicholl (Glencarse, Angl.). — 119. E. Williams (Inverness, Angl.). — 120. J. Mc. Donald (Aberdeen, Skot.). — 121. A. Bowker (Sheffield, Angl.). — 122. J. Malachofskij (Pittsburgh, Usono). — 123. F-ino M. van Sloun (S. Francisco). — 124. W. Buchheim (Boulder, Usono). — 125. B. Arre (Linköping, Sved.). — 126. S-ino N. Pulsifer (New York). — 127. S-ro C. Coigne (New York).

**Adresŝanĝo.**

*St. Gallen* (Svisujo). — D.: S-ro H. Kürsteiner, Florastrasse 5.

Provizore ne plu estas Delegito en: *Antwerpen* (Belgujo), *Kassa* (Hungarujo), *Warrington* (Anglujo).

# Por UEA

Unu el niaj membroj, kiu estis militkaptito kaj nun estas interngito en Svisujo, sendis al ni la jenan versaĵeton, kies laŭvortan plenumon ni rekomendas al ĉiuj riĉaj aŭ riĉetaj Esp-istoj . . .

Mi ne vin mane povas subteni
Ĉar monon mi havas malmulte
Sed por ke vi povu elteni
Morale mi helpas vin, ŝulde.

Se ie utilas bonfaro
En tre ampleksa maniero
Por tuta la homaro
Jen: estas nia afero.

Riĉulo se mi estus
Kun miloj da frankoj en banko
Tre larĝe ilin mi donus
Por via malplena kasŝranko.

Do kiu sumojn posedas
Kaj ilin ne urĝe bezonas
Benata estu, se cedas
Li ilin kaj nin donas.

Tre ĝojos pri donacoj
La Majstro nun loĝanta
Ho ve! en la senlimaj spacoj
De l' valo pachavanta.

*Erato.*

# Esperanto antaŭ ŝtata komisiono

*Kelkaj pripensoj okaze de la raporto de la Brita komitato pri Modernaj Lingvoj*[1]

De kiam S-ro Sébert kaj francaj eminentuloj prezentis Esperanton al la Franca Parlamento, la nuna estas laŭ nia scio la unua ekzameno, kiun ŝtata komitato faris pri nia lingvo. Ke ĝi sukcesis kontentige, ni danku al S-ro Pollen kaj liaj helpantoj. Ĉar tiu brita raporto rebrilas la mezfavoran juĝon, kiun ni verŝajne atingus en simila formo ĉe aliaj grandaj ŝtatoj, valoras ĝin pli proksime rigardi. La multaj konjunktivoj, estus, povus, devus k. t. p. nin ne mirigu; estas ĉie la favora lingvo de ŝtataj komitatoj, kiuj malŝatas kuraĝajn asertojn, pro timo erareti aŭ esti atakataj. Entute la diferenco inter la ŝtatuloj kaj ni estas, ke ili malmulte kredas kaj multegon postulas, dum ni marŝas sur la meza vojo de pruvitaj faktoj kaj realigeblaj esperoj. Ke lingvo artefarita povus esti utilega, tion jam sciis la antaŭuloj de Zamenhof; la ŝtato atentas tiun veron post kiam tia lingvo de longe funkcias. Kontraŭe, ni pruvas, ke jam valoraj servoj efektiviĝis per Esperanto; la ŝtato deklaras ilin malgravaj, ĉar ne la tuta komercistaro profitas el ili. Ripetiĝas la historio de la plimultaj eltrovaĵoj; la ŝtato tiel longe malfidas, ĝis la novaĵo pereis aŭ ne plu bezonas ĝin. Ankaŭ la priparolata ebla helpo sin montras en la kutima formo de la ĉaro sur kvarangulaj radoj: la komisiono. Tiun ni konas kaj deziras al ĝi longan vivon. Intertempe ni klopodu, por ke, se ĝi estos iam preta, ni povu per novaj faktoj pruvi la eblecon de ebloj ĝis tiam nerekonataj.

Tamen decas rekoni ke, aparte de la kutima ŝtata sindeteno, la brita komisiono juĝis favore pri la celo de niaj klopodoj kaj enprofundiĝis en diversajn gravajn detalojn. Pri ĝia aserto, ke per bona instruo de nacia lingvo en unuagradaj lernejoj oni atingos saman logikan certecon („logical discipline") kiel per la instruado de facila fremda lingvo, ekz. Esperanto, pri tio ni miras. Ĉu ne estas internacia sperto, ke la lecionj de gramatiko nacilingva estas la plej enuigaj? La infano scias sian lingvon, tio estas kredas ĝin scii, kaj malmulte interesiĝas pri scienca dispartigo de konataĵo en nekonatajn gramatikajn partojn. Se ĝi lernas fremdan lingvon, precipe la plej gramatikan el ili, Esperanton, tiam la infano akceptas gramatikon kiel bonan helpilon. Nacian lingvon oni parolas, fremdan oni konstruas. Tre ofte oni sin okupas pri la principoj de la gepatra lingvo nur kiam oni spertis la utilon kaj belon de la konstrumetodo ĉe la fremda.

Alia pretendo estu al ni averto. Ni ne povas refuti, ke pro mankanta eblo uzi Esperanton multegaj personoj, ne nur lernejanoj, forgesis la lingvon. Ne mankis la ebleco ĝin uzi, sed ili ne uzis la eblecon. Ĉiuj klopodoj havigi rilatojn por internacia korespondado estu do forte subtenataj. Aliflanke, antaŭ ol disdoni propagandilojn kaj aranĝi kursojn, ni juĝu ĉu la publiko valoras la lingvon. Kiu ne vidas pli malproksimen ol ĝis en la domo de sia najbaro, tiu ne lernu Esperanton. Multe da mono kaj peno jam estis forĵetataj pro laŭŝajna Esperantistigo de adeptoj sen iuj interesoj internaciaj, aŭ tute ne interesigeblaj pri io ajn ekster sia kutima rondo. Ili povas esti bonaj burĝoj, sed . . . ni Esperantistoj lasu ilin trankvilaj. — Ni ne laciĝos ripetante, ke veki bezonojn por uzi internacian lingvon estas la duono de la propagando. Jam Zamenhof diferenciĝas de siaj „plibonigistoj" per tio, ke li ne eltrovis lingvon por eldoni gramatikon sed kiel ilo por celo. En landoj, kie la vizito de la universitatoj estas moda, oni plendas pri „intelektaj proletarioj", t. e. personoj, kiuj studis kaj ne trovas pozicion por gajni sian vivon per la akiritaj konoj. Iom simile ni puŝas varbitojn en kursojn kaj grupojn, kaj en la kritika momento, kiam devus komenci la apliko, la instruisto diras: serĉu mem. Aŭ li rekomendas al serioza homo interŝanĝi poŝtkartojn, kun marko bildflanke! Kiel la mezgradaj kaj metiistaj lernejoj serĉas poziciojn por siaj lernintoj, tiel ni devus trovi por ĉiu el niaj varbitoj Esperantistan agadkampon, kiun li ŝatas prilabori. El tio disvolviĝus kun la tempo stato renversita, (fakte la normala por tiel uzebla lingvo) ke alkuros lernantoj ne plu pro nia allogo, sed pro la profitoj moralaj aŭ ekonomiaj, kiujn havigas Esperanto. Tiam, ĝi estos samranga al la naciaj lingvoj, por kiuj neniu propagandas.

La ĉefaj postuloj de la komitato estas konstanteco de la lingvo, fakaj vortaroj kaj multe pli granda nombro da anoj. Pri la grava problemo de kreotaj vortaroj kaj la nebona kompreno de la komitato pri niaj literaturaj celoj ni parolos alian fojon. La konstantecon de la lingvo ni havas kaj sen ŝtata helpo ĝin konservos, kondiĉe ke ĉiu postmetu siajn personajn preferojn, kiel ajn scienceŝajnaj ili estas. La plimulto inter ni de longe konsideras la unuecon de la lingvo kiel ĝian fundamenton; la aliaj ne traktu nin kiel malspritajn konservemulojn, se ni defendas la Zamenhofan lingvon kiel ĝi estas, kaj ili preparu sian sistemon sub propra nomo por la glora tago, kiam sidos la internacia lingva komisiono. Pri la neceso de multe pli grandnombra Esperantistaro ni konsentas kun la komitato. Ŝtatan subtenon ni ne malŝatos, sed ĝis tiam ni restu konsciaj, ke la nuna, relative favora prijuĝo de la movado devis esti almilitata per propraj rimedoj. Dankante al la samideanoj kiuj klopodas altiri la ŝtatan atenton al Esperanto, ni daŭrigu labori, vigle kaj prudente, pretaj akcepti helpon, sed ne malesperante se ĝi malfruiĝas. De ni dependas la estonto de Esperanto, ne de la ŝtatoj. Ni prenu la sorton en nian manon, por ke iam la ŝtataj komisionoj nur bezonu konstati fakton: ke Esperanto ekzistas, ne venkeble, por ĉiam.

*Ed. St.*

[1] Vidu la tekston de tiu raporto en la lasta N-ro de *„Esperanto"*, paĝ. 88 (16).

# Esperanto ĉe la Militkaptitoj

La subaj linioj estas eltiritaj el interesa raporto, kiun sendis pri sia agado membro de UEA, militkaptita de post 1915 kaj en 1918 internigita en Svisujo. Ĝi montras, kion povas fari fervora Esperantisto malgraŭ malfavoraj cirkonstancoj. Tio estu instruo ankaŭ al ne-militkaptitaj samideanoj!

* * *

Laŭ ĝenerala vidpunkto:

„La cenzuro malhelpas multe la disvolvon de nia ideo. Estas malpermesate korespondi Esperante. En multaj kaptitejoj la Esp. presitaj libroj ne estis transdonataj al la adresuloj. Oni simple konfiskis ilin sub la preteksto, ke ili estas malpermesataj. Nur tre malofte oni trovas bonan okazon por organizi kursojn aŭ por doni individuan instruadon. Mankas precipe konvenaj ĉambroj. Uzi la ĉambregojn, en kiuj loĝas, laŭ la grandeco, 20—100 personoj kune, estas neoportune, ĉar ĝenerale estas tro da bruo por instrui en maniero fruktoporta. De post kiam la Asocio de la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj sin intense okupas pri la intelekta helpado al la kaptitoj, oni povis konstati pliboniĝon. Ankaŭ la kontrakto de la registaroj pri la traktado de militkaptitoj helpis alporti kelkajn plibonigojn. Almenaŭ oni posedas nun multparte sufiĉe bonajn kunvenejojn por aranĝi paroladojn, kursojn, k. t. p. Sed estas absolute neeble doni mezan normon pri la cirkonstancoj, kiuj influas la intelektan akceladon de la militkaptitoj, ĉar laŭ organiza vidpunkto preskaŭ ĉiuj militkaptitejoj ne similas unu la alian.

Laŭ speciale persona vidpunkto:

„En la momento de mia kaptiĝo mi portis kun mi Ĉefeĉan ŝlosilon, kiu restis dum longaj monatoj mia sola akompananto kaj konsolanto. De post la 24. VII. 15 ĝis la 10. II. 17 nenia vivosigno pri Esperanto venis al mi de ekstere. Sed mia konfido lasis min elteni. En oktobro 1915 mi instruis mian kamaradon — studenton el B. — pri Esp., kaj post kiam li estis fininta sian studon, mi donis lecionojn

al instruisto el B., kaj je Kristnasko 1915 ankaŭ li jam bone konis nian lingvon. Tiam ĉi tiu instruisto, laŭ mia instigo kaj sub mia kontrolo, povis gvidi kurson kun 7 partoprenantoj, kiuj ĉiuj faris bonajn progresojn kaj lernis kun granda fervoro kaj entuziasmo. Kompreneble oni laboris ĉiam en neagrablaj cirkonstancoj. Ĉiam kaj ĉie mi zorgis ankaŭ, ke la intereso estu vekata kaj restu vivanta. Mi forlasis tiam la kaptitejon S. kaj venis al C. Denove mi komencis tuj instrui tri kamaradojn, kiuj estis intertempe gajnitaj por Esp. Jam post mallonga tempo mi devis ŝanĝi la kaptitejon denove kaj mi alvenis en S. Tie ankaŭ mi tuj komencis la varbadon, kaj mi trovis grandan intereson. La tieaj kamaradoj estis metiistoj — lignajistoj, masonistoj, kelneroj, k. t. p. — kun malmulte da instruo, kaj mi devis verki ankoraŭ specialan lernolibron por ili. Farinte ĉi tiun post dek-kvin vesperoj, mi komencis kurson kun ok partoprenantoj. Mi atingis la 12-an lecionon, kaj ree mi devis forlasi miajn amikojn. Mi lasis al ili la lernolibron kaj petis ilin daŭrigi la kurson kaj studi la ankoraŭ restintajn tri lecionojn, kaj tiam ripetadi ĉiujn lecionojn. Mi ricevis la promeson, kaj verŝajne ili ankaŭ finis la lecionojn. Nun, la 20 novembro 1916, mi venis en alkoholfabrikejon, kie mi sukcesis konvinki nian ĉefon pri la taŭgeco de Esp. kaj mi instruis ĉi tiun mian ĉefon — en privata vivo bankoficisto — kiu montris treegan intereson. Sed jam post mallonga tempo mi venis en la centrejon E. Tie ĉi mi ricevis saluton de la Katedro de Esperanto en Bologna, vian ŝatatan Kristnasko-sendon, en kiu jam mankis kelkaj objektoj, kaj pli poste vian karton, kiu anoncis, ke vi sendis iom da legaĵo. Ĉar la anoncita legaĵo ne alvenis, mi adresis demandon al vi, kaj la cenzuro, anstataŭ ekspedi la karton, ĝin redonis kun la rimarko, ke la libroj estas alvenintaj, sed ke oni ne povas ilin doni al mi, nesciante, ĉu Esperanto estas permesata aŭ ne. Tiam mi adresis demandon al la ĉefinterpreto por la tuta regiono — kapitano — kaj tiu donis la jenan respondon: Mi ne vidas motivon, kial oni ne povus transdoni la Esp. librojn. Vi havos ilin baldaŭ. — Kaj vere ili fine venis en mian posedon. Mi legis ilin kun granda plezuro kaj uzis ilin por propagandaj celoj. Baldaŭ poste mi aranĝis en nia rondeto paroladon pri Esp. kaj tiam mi komencis la individuan instruadon — pro diversaj cirkonstancoj mi nur povis instrui izolulojn — kaj ĝis la 17 junio 1918 mi enkondukis entute 13 personojn en la sekretojn de nia lingvo. Intertempe, ĉirkaŭ je la mezo de majo, alvenis la „Manlibro por helpi al la disvolvo de la intelekta agado ĉe militkaptitoj" de la Kristana Unuiĝo, kiu ankaŭ sin okupas pri Esperanto. Tio estis por mi la signo al nova pli grandstila propagando, kaj la 9 junio ankoraŭ mi parolis pri Esperanto, ties celo kaj la devo por ni ĝin lerni, antaŭ ĉ. 40 kamaradoj.

„Mi vekis grandan intereson, kaj ŝajnas al mi, ke speciale la kaptitejo estas belega loko por propagandi nian aferon. Ĉar la kunvivantoj estas el ĉiuj partoj de la rilataj landoj, kaj oni povas semi pro tio por la estonto, en preskaŭ ĉiuj anguloj de la mondo, grajnerojn, kiuj povas fariĝi frue-malfrue belaj floroj en nia vasta ĝardeno.

„Forlasante la lastan kaptitejon pro mia釋 internigo en Svisujo mi lasis ĉiujn librojn, kiujn mi posedis, al miaj kamaradoj kaj kunportis nur la ŝlosilon, mian karan kunulon."

# Esperantista Parolejo

## Komerca Propagandado

Por ankoraŭ pli forte antaŭenpuŝi la laboron de la *Common Commercial Language Committee*, dezirinde estas, ke ekzistu reprezentanto en ĉiu grava komerca aŭ industria centro en Britujo kaj alilande: do la vigluloj ĉieaj (Delegitoj kaj aliaj), kiuj povos helpi en tiu rilato, estas petataj skribi al: S. R. Marshall, Hon. Sekr. C. C. L. C., 57, Muirkirk Road, Catford, Londono, SE 6.

*C. C. L. C.* intencas baldaŭ presigi liston de firmoj, kiuj uzas aŭ favoras nian lingvon, kaj por ke ĝi estu kiel eble plej plena, la sekretario tre deziras ricevi nomojn kaj adresojn (kun ekzemplero de iu presaĵo) de ĉiuj Esperantistaj aŭ Esperantemaj firmoj.

C. C. L. C. ankaŭ tre deziras kompili liston de Esperantistoj (individuoj aŭ societoj) en gravaj komercaj centroj, kiuj estus pretaj fari senpage tradukojn de Esperantaj korespondaĵoj ricevotaj de neesperantistaj firmoj en siaj distriktoj. (Aliaj gazetoj bonvolu represi.)

*S. R. Marshall.*

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *O. Haller*, Del. en Rorschach, kore dankas al la Del. en Madrid, Cordoba, Sevilla, Aarhus, Rotterdam, k. t. p., same al la C. O. de UEA pro afablaj servoj.

# Lingvaj Studoj

## Vortaro

### 13. *Avantaĝo*[1]

Tiu ĉi nova radiko estas necesa por esprimi la ideon: io, kio prezentas utilon, profiton ne pure materian. Oni kelkafoje uzas en tiu ĉi senco la vorton *profito*, sed ĝi ofte ne taŭgas. Ekz. en la artikolo pri la „Japana virino", aperinta en la lasta N-ro de tiu ĉi gazeto, oni trovas: „Komence estas menciataj ĉiuj avantaĝoj, kiujn prezentas la potenca kompanio" (13a linio) kaj poste „Tamen la kompanioj havas nur limigitan konfidon al ĉiuj tiuj avantaĝoj" (25a linio). En ambaŭ okazoj la vorto *profito* ne taŭgas, ĉar temas tie ĉi ne sole pri iu formo de materia gajno. *Avantaĝo* havas pli larĝan kaj malpli materian sencon ol *profito*. Niaj lingvoj cetere distingas ambaŭ ideojn: Al *profito* respondas A. profit, F. profit, G. Gewinn, I. profitto. Al *avantaĝo* respondas A. advantage, F. avantage, G. Vorteil, I. vantaggio.

### 14. *Dekoracio kaj dekori*

La vorto *dekoracio* estis jam ofte uzata en nia literaturo, plej ofte en la senco de honoriga insigno. *Ornamo* ne taŭgas por tiu senco, nek ankaŭ *ordeno*, ĉar tiu lasta esprimo enhavas ideon pri organizo (Ekz.: ordeno de la Bontemplanoj). Speciala radiko estas do necesa, kaj el tio rezultis la elekto de *dekoracio*. Sed, ĉar oni ankaŭ ofte bezonas la respondan verbon kaj ĝiajn derivaĵojn, estus preferinde deiri de la radiko *dekor-i*, el kiu sekvus *dekoro, dekoraĵo, dekorulo, dekorito*, pli simplaj kaj pli belsonaj ol *dekoracio, dekoraciulo, dekoraciito*. El *dekori* oni ankaŭ povus devenigi *dekorinda, dekorema, dekorama*, k. a. Ekz.: la reĝo estas dekorema kaj liaj korteganoj estas dekoramaj, sed multaj dekoritoj ne estis dekorindaj.

Ŝajnas, ke same kiel en la naciaj lingvoj, oni povas ankaŭ uzi tiun vorton por la pli vasta senco: provizi per artistaj ornamaĵoj kaj plibeligaĵoj. Ekz.: *dekori domon, teatraj dekoraĵoj, arta dekorado, arta dekoristo*, k. t. p.

### 15. *Pilgrimo*

En Esperanto kiel en la naciaj lingvoj la radikoj nomantaj personojn povas senpere naski verbojn, kiuj montras la agon kutime plenumatan de tiuj personoj. Ekzemple la substantivaj radikoj *filozofo, patrono, piloto, profeto, reĝo, spiono* naskas la verbojn *filozofi, patroni, piloti, profeti, reĝi, spioni*, same kiel okazas en la naturaj lingvoj.

[1] Vidu la antaŭajn lingvajn notojn en „*Esperanto*" de decembro 1917, januaro, februaro, marto, aprilo 1918.

Ni komparu kun nacilingvaj tradukoj la vortojn *spiono* kaj *spioni*.

| E. | A. | F. | G. | I. |
|---|---|---|---|---|
| *spiono* | *spy* | *espion* | *Spion* | *spione* |
| *spioni* | *to spy* | *espionner* | *spionieren* | *spionare* |

El tiu tabelo rezultas, ke en la kvar nomitaj lingvoj oni deiras de la radiko persona por derivigi el ĝi la verbon. Estas do pli konforme al la kutimo de la naciaj lingvoj diri *spiono, spioni; reĝo, reĝi; profeto, profeti*, ol deiri de la verbo por derivigi el ĝi la substantivon: *spioni, spionisto; reĝi, reĝisto; profeti, profetisto*, k. t. p.

Sed ni rimarkas, ke oni ne ĉiam logike sekvas tiujn ekzemplojn. Karakteriza estas en tiu rilato la radiko *pilgrim'*. En la unua tempo de nia literaturo oni uzis ĝin kiel substantivan radikon: *pilgrimo* montris personon (same kiel *profeto*), el kiu derivis la verbo *pilgrimi*. Pli malfrue, niaj vortaristoj, kiuj ofte ne havis klarajn ideojn pri la derivreguloj de nia lingvo, juĝis pli logike konsideri *pigrim'* kiel verban radikon, el kiu derivas *pilgrimanto* aŭ *pilgrimisto*. Ambaŭ procedoj estas logikaj, sed por eviti konfuzon, oni devas elekti inter ili. Kiu estas la pli internacia, montras la jena kompara tabelo:

| A. | F. | G. | I. |
|---|---|---|---|
| *pilgrim* | *pèlerin* | *Pilger* | *pellegrino* |
| *to pilgrim* | *aller en pèlerinage* | *pilgern* | *pellegrinare* |

Rezultas, ke en la kvar ĉefaj lingvoj la substantiva radiko montras la personon, kaj el ĝi derivas la verbo, kiu montras la agon. Estas do konsilinde, ke ni agu same en nia lingvo. *Pilgrimo* (anstataŭ *pilgrimanto*) estu la patrovorto, el kiu derivas *pilgrimi, pilgrimado* (= ago pilgrimi), *pilgrimejo* (= loko por pilgrimoj), k. t. p.

* *
*

## Novaj vortoj proponitaj en „Teknika Revuo"

En N-ro 1 de „Teknika Revuo" (nova serio) estas presita listo de la neoficialigitaj vortoj uzitaj en tiu ĉi kajero. La pli multaj el ili jam estas tre konataj kaj troviĝas en la lastatempaj vortaroj, ekzemple:

*abundi, adapti, Alpo, arĥivo, biografio, bulteno, decimalo, digramo, ekskludi, ekspozi, evolui, faktoro, federi, filio, floreno, grimpi, inkludi, instali, intelekto, inversa, juro, kodo, komisiono, komplemento, kompleta, komunumo, koncepti, konferenco, konforma, konkreta, malto, meteorologio, minimumo, mutuala, plago, pleonasmo, proksimume, psiĥologio, redukti, revuo, rezigni, rezulti, roko, sekto, socio, spekuli, spontana, teknika, tramo, varii.*

*Aktinometro, cianometro, diafanometro, elektrometro, eŭdiometro* estas nomoj de fizikaj mezur-instrumentoj. Novaj estas:

*arbitrali* = juĝigi per personoj interkonsente elektitaj de ambaŭ partioj. En tiu ĉi senco jam ofte estas uzita *arbitracio, -i*. Se oni trovas tiun formon neoportuna pro la sinsekvo de *i* en la verbo (arbitracii), oni povus ĝin mallongigi al *arbitrac-i* (simile al *donaci, kapitulaci*), el kiuj rezultus *arbitraco, arbitracanto; arbitrali* (sekve *arbitralo, arbitralanto)* ne ŝajnas al ni rekomendinda formo.

*ascendi* = daŭre supreniri (ekz.: montascendo, balonascendo). Tiu nova radiko povas esti utila; ĝi estas jam pli-malpli internacie konata.

*noktumi* = pasigi la nokton.

*firmao* = komerca societo. Tiu neologismo estas proponita por eviti konfuzon kun la adjektiva radiko *firma*, kiu havas alian sencon. En la Universala Vortaro estas videbla eraro: oni trovas *firm'* (F. ferme, A. firm, G. fest) kaj kiel derivaĵo *firmo* (F. raison [de commerce], A. firm, G. Firma); laŭ la derivreguloj de nia lingvo *firmo* devus signifi: tio, kio estas firma. La nova formo *firmao* ŝajnas do enkondukinda por eviti tiun konfuzon. La radiko *firma'* estas cetere ne malpli internacia ol *firm'* (G. Firma, I. firma, R. firma).

---

# Niaj Mortintoj

## Clarence Bicknell

Post Feliks Moscheles jen perdas denove niaj britaj samideanoj noblan maljunulon famekonatan en tuta esperantista mondo kaj amatan de ni ĉiuj pro lia ĉarma bonkoreco. Kiu ne memoras lian altan figuron kun bluaj okuloj kaj longa arĝenta barbo, kiam li promenis tra kongresurbo kun siaj fidelaj geamikoj?

Kiu ne legis kelkajn el liaj delikataj poemoj originale verkitaj en nia lingvo kaj ofte kantantaj pri tiu aŭ alia okazintaĵo de nia rondo familia? Je Kristnasko aŭ Novjaro liaj amikoj ricevis ĝenerale beletan karton kun ĉiam taŭga versaĵo, zorge artumita kaj samtempe pensoplena. Tiel li donis al ni iom el sia bela animo, kiu volis koni nur la plibonon ĉe ceteraj kaj entenis trezorojn de amo sub timema modesteco.

Lastan versaĵon de li ni ricevis pri morto de Zamenhof kaj samtempe malĝojan poŝtkarton, kiu dolore nin frapis. Kun invito al Bordighera li aldonis tiun frazeton: „Venu baldaŭ, ĉar mi sentos, ke ankaŭ mia tempo jam venas". Pasporto ne estis akirebla kaj vanaj restis la klopodoj. La projektita vojaĝo devis esti forlasata. Jen alvenas la depeŝo pri lia morto. Karaj britaj amikoj kaj ankaŭ vi, niaj italaj kunfratoj, kiuj vidis lin proksime, ni ploras kun vi Clarence Bicknell, vian subtenanton kaj saĝan konsilanton!

Lia hejmo en Bordighera, jen estas neforgesebla memoraĵo por multaj el ni, kiuj pasigis tie kelkajn tagojn apud la blua maro, meze de decembraj rozoj! Lia bonveno jam ravis la gastojn, sed kia surprizo, kiam ili penetris en tiun eterne florantan ĝardenon kaj eniris tiun domon, esperantistan de l'kelo ĝis tegmento! Ĉie nur sonis nia lingvo, ĉie vidiĝis artaj dekoraĵoj kun esperantistaj simboloj sur vazoj, brodaĵoj aŭ kusenoj. Oni tie vivis en esperanta paradizo, forgesanta la eksteran mondon. Sed li ne forgesis ĝin kaj la malriĉaj infanoj de l'itala urbeto ja scias ion pri lia konstanta bonfaro.

Somere Clarence Bicknell transloĝis al montaro, kie li malkovris pra-historiajn desegnaĵojn de ŝtonepokaj homoj. En tiu rilato kaj ankaŭ sur la kampo botanika li ja fariĝis sperta scienculo kaj korespondis kun fremdaj specialistoj. Lian muzeon venis viziti multaj kleruloj.

Kiel Esperantisto li ludis ĉefe kaŝitan rolon, sed laboris vigle dum longaj jaroj, ne ŝatante sin montri por paroladoj aŭ publikaj aferoj, sed subtenante malavare nian movadon kaj vojaĝante por fondi novajn grupojn aŭ por konverti utilajn personojn. Ĉiam kaj ĉie li propagandis, kaj tre multaj Esperantistoj ŝuldas al li sian aliĝon al nia rondo.

Sur lingva kampo li faris ankaŭ tre ŝatatan servon per tradukoj aŭ originalaĵoj ĉiam tre zorge verkitaj. Multajn manuskriptojn de aliaj li pacience legadis kaj amike korektis. En Lingva Komitato li reprezentis tendencon de fidela respekto je Zamenhofa fundamento. Ĉie li montriĝis modesta, sed agema laboranto kaj estis fakte unu el niaj plej saĝaj pioniroj, al kiu multaj sin turnis en horoj malfacilaj. Tre kara nun restos memoro kaj dankemo al li en niaj malĝojaj koroj. — *Edm. P.*

Kun bedaŭro ni estas informitaj pri la morto de jenaj samideanoj:

**E. E. Bromilow**, unu el la plej malnovaj membroj de la Liverpool'a grupo.

**S-ino Olga Lindow**, el Kopenhago.

**C. A. Lindvall**, ĉefinĝeniero en Stockholm.

**F-ino Eudoxie Mallet**, el Ĝenevo, fratino de nia samideano D-ro Ed. Mallet. Ŝi kelkan tempon sindoneme laboris ĉe la C. O. de UEA je la servo de helpado al militviktimoj.

**P. Novohradsky**, prez. de la Esp. Klubo en Plżen (Bohemujo), tre fervora samideano.

**Stefan Schulz**, Del. de UEA en Kassa (Hungario), agema kaj sindonema samideano.

**Frans Sleyffers,** fervora kaj lingvoscia samideano el Ginneken (Nederlando).

**J. S. Smith,** antaŭa Del. de UEA en Warrington (Lancs., Anglujo).

**Carlo Weiss,** el Zurich, membro N-ro 7082.

* * *

**Celia Doerner,** el Grant's Pass, Oregon (Usono). Post malsaneco de pli ol 22 jaroj F-ino. Celia Doerner, kleregа kaj konata Espistino, mortis la 18 aprilo 1918. Ŝi estis naskita en Ŝtato Ohio en 1853, kaj multajn jarojn instruis en la publikaj lernejoj de Cincinnati. En 1909 pro la progresoj de la malsano, kiu faris ŝin kriplulino en rulseĝo, ŝi translokiĝis en Ŝtaton Florida, kaj poste venis al la urbeto Grant's Pass en Oregon. En sia vivtempo ŝi verkis multajn artikolojn por la instruarta gazetaro, redaktis, kompilis kaj verkis lernlibron de ĝenerala sciado nomitan „Treasury of General Knowledge", uzatan en publikaj lernejoj, kaj skribis multajn poeziaĵojn en la angla, Esperanta, franca kaj germana lingvoj. Volumon anglolingvan ŝi eldonis en 1914, „Little Ripples of Song" (Ondetoj Kantaj), en kiu riveliĝis ŝia feliĉemo kaj inspiremo sub la doloroj de kripleco. Ŝi ame studadis la sciencojn, kaj lertiĝis ne sole pri la supre nomitaj lingvoj sed ankaŭ pri la hebrea, hispana kaj itala. En Ohio ŝiaj precipaj instrutemoj estis la latina lingvo kaj la matematiko. Ŝi tradukis poemeton, „God Geometrizes" (Dio Geometrias), en nian lingvon, kaj gajnis honoran mencion por ĝi ĉe unu el la konkursoj de niaj kongresoj, kaj estis enlistigita pro tio ĉi de Adam Zakrzewski en lia „Historio de Esperanto". Tiu poemeto simboligis al ŝi ŝian temperamenton, kiu per malofte rimarkebla ekzemplo montris unuiĝon de poezio kaj matematiko, de sentimentaleco kaj praktikemo, de simpleco kaj kleregeco. — *William R. Dainĝerfield.*

**Arthur Vermandel,** profesoro, Delegito de UEA en Antverpeno (Belgujo). Kun granda bedaŭro ni sciiĝis pri la morto de tiu tre simpatia kaj agema Esperantisto, ankoraŭ juna, kiu faris gravajn servojn al nia belga Esp. movado. Tre organizema li estis, kaj kiel nia karmemora Mudie li sciis kunligi la idealan kaj praktikan flankojn de Esperantismo. Siajn influajn rilatojn ĉe la belga registaro li utiligis favore al nia movado, interalie okaze de la Genta ekspozicio. Li estis sendita de la registaro ĉe la Kongreso de Eastbourne por tie propagandi la Gentan ekspozicion. Li eldonis propagandajn broŝurojn, lernolibrojn, kantarojn, glumarkojn (de tiuj ĉi li havis belan kaj tre kompletan kolekton). La Esp-istoj trapasintaj Antverpenon aŭ ĉeestintaj ĉe belgaj Esp. kongresoj kore bedaŭros tiun simpatian kaj seriozan samideanon, kiu estus povinta ankoraŭ multe helpi al nia movado. — *R. R.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BRADFORD (Anglujo). — S-ro John Morland, 4, Curzon Road, L (kun ĉiuj landoj).

BREDA (Nederlando). — S-ro F. de Regt, Koninginnestraat 1, PI (bfl).

GÄFLE (Svedujo). — S-ro Eric Lindqvist, 34, S. Esplanadgatan, PI, L, PM (prefere kun Azianoj, Afrikanoj kaj Sud-Amerikanoj).

HJO (Svedujo). — S-ro Emil Carlsson, 19 B, Hamngatan, PI (kun ĉiuj landoj).

LYSS (Svisujo). — S-ro Ernst Scheurer, Del. UEA, PI, PM (prefere kun ekster-eŭropanoj).

MELBOURNE (Aŭstralio). — S-ro J. G. Pyke, 10, Lennox St., Hawthorn, L (kun ĉiulandaj pacifistoj).

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Margherita Knuth, PI, L (kun ĉiuj landoj).

UTRECHT (Nederlando). — S-ro G. J. Degenkamp, Bethlehemweg 36, PI (nur prezentantaj preĝejojn kaj kapelojn; ankaŭ Esp.-gazetojn. Ĉiam respondos).

WALLASEY (Anglujo). — S-ro Arthur Shaw, 16, Marlowe Road, L (kun ĉiuj landoj).

YORK (Anglujo). — S-ro E. Howkins, 31, St. Mary's St., PK, PI, L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

FILATELISTOJ, GAJNU MONON! — Famkonata filatelia senriska kompanio „Universo" bezonas agentojn ĉie. Turnu vin al S-ro Ernesto A. Dalmau, Gerona (Hispanujo).

NOVA KAJ TRE GRAVA PROPAGANDILO. — „A Common Commercial Language", 16-paĝa broŝuro, angle eldonita de la Londona Komerca Ĉambro, rezulte de speciala propaganda kunveno aranĝita de C. C. L. C. ĉe la Londona Ĉambro. Ankaŭ dupaĝa flugfolio en angla kaj Esperanta lingvoj represita el „London Chamber of Commerce Journal". Vigluloj posedu ilin kaj utiligu nur por praktika propagandado inter komercistoj. La du kune riceveblaj (kontraŭ respondkupono) de S. R. Marshall, Hon. Sekr. C. C. L. C., 57, Muirkirk Road, Catford, London SE 6.

THE ESPERANTO MONTHLY, 218, Brunstfield place, Edinburgh, organo de la lernejoj, en kiuj oni instruas Esperanton al infanoj, senpage presigos nomojn de instruistoj ĉiulandaj, kiuj deziras korespondantojn por siaj lernantoj.

SAMIDEANOJ EN USONO, HELPU! — La frato de S-ino Martha Baum, naskita Mucke, petas informojn pri ŝi. Ŝi loĝis en Worcester (Mass.), 61, Piedmont Str., ĝis majo 1916, poste en Naugatuck (Conn.), 613, High Str. Oni skribu al la C. O. de UEA.

SUD-AFRIKAJ ESPERANTISTOJ, HELPU! — La patrino de Max Rohleder, maŝinisto, internigito N-ro 1439, en Tanga, German-Orienta Afriko, deziras informojn de aŭ pri ŝia filo. Oni skribu al C. O. de UEA.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO